VIa jaro. — No 75 Unu numero : 6 SPESDEKOJ (15 centimoj) 5 Aprilo 1910

# ESPERANTO

OFICIALA ORGANO DE UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

KAJ DE INTERNACIA INSTITUTO DE ESPERANTO

Duonmonata Internacia Gazeto

*Direktoro : HECTOR HODLER*

**ABONO**

Jara Abono. . . . . . . . . . . . . . 1,60 $ (4 frankoj)

La abonoj komenciĝas de la 1a de ĉiu monato. Oni akceptas nur unujarajn abonojn. Oni abonas ĉe la Administrejo, Esperanto-Oficejoj kaj lokaj Agentoj.

Redaktejo & Administrejo : *10, rue de la Bourse*, GENÈVE (Svisujo).



## Pri la tasko de Delegito

Tagon post tago kreskas la nombro de la esperantianoj kiuj, laŭ propra sperto, konvinkiĝis pri la utiloj, kiujn ili ricevas de nia Asocio. Tion pruvas plej klare la multnombraj leteroj kiujn ni ricevas senĉese pri tiu temo, kaj kiujn plenigas la dankaj esprimoj pri la helpemeco kaj sindonemeco de niaj ĉiulokaj delegitoj. Ankaŭ en diversaj urboj, multaj komercistoj jam provis la taŭgecon de niaj servoj, kaj, antaŭe nur malvarmaj esperantianoj, ili fariĝis fervoraj.

La Komitato de U. E. A. havis la ideon ke, se ni povus citi grandan fidindan liston de tiuj servoj faritaj al niaj membroj, komercistoj aŭ ne, ni tiel liverus la plej taŭgan pruvon pri la utileco de nia Asocio kaj havus la plej efikan propagandilon por varbi novajn esperantianojn kaj novajn esperantiajn entreprenojn. Pro tio estas dezirinde ke, en la respondilo sendita kun la lasta bulteno, la Delegitoj zorge donu la liston de la servoj faritaj de ili. Tiuj respondiloj ebligos la starigon de fidinda statistiko pri la nombro kaj speco de tiuj servoj.

Ankaŭ kelkaj Delegitoj kutimiĝas enskribi tiujn servojn en la rondiranta kajero de sia distrikto. Tio estas tre rekomendinda, stimulas la agemecon de la Delegitoj de sama landoparto kaj, ĉar ĉiuj kajeroj estas fine sendataj al la arĥivoj de U. E. A. en Ĝenevo, ili tie ankaŭ helpas por la starigo de la supre dirita statistiko.

∴

Mia propra sperto de Delegito montris al mi, ke oni povas facile varbi firmojn, nur se oni efektive faris al ili kelkajn servojn. La mastroj, kaj speciale la hotelmastroj kutimas argumenti ke, fariĝinte esperantiaj entreprenoj ili ricevos eĉ ne unu plian klienton. Ni do devas pruvi al ili ke ili eraras. Por tio, mi vidas du ĉefajn rimedojn : la unua, ke la esperantianoj kiuj loĝas en esperantia hotelo, aŭ varbota hotelo, ne forgesu sciigi al la mastro ke ili trovis la adreson sur la jarlibro de U. E. A. aŭ sur la loka gvidfolio, aŭ ke ili venis laŭ la konsiloj de la delegitoj. Ĉiuokaze, ili ne forgesu skribi sur la registro de hotelo, ke ili estas membroj de U. E. A.

La dua rimedo estas ke Delegito, kiu sendas esperantianon al iu hotelo aŭ magazeno, nepre sciigu pri tio la mastron. Li nur bezonas por tio doni al la sendita kliento sian vizitkarton kun, ekzemple, jenaj vortoj : « S-ro X., delegito de U. E. A., rekomendas al la afablaj prizorgoj de S-ro A., S-ron B., membron de U. E. A. nun trapasantan nian urbon. » Tiuj kartetoj konkrete prezentus al la komercistoj la ideon, ke nia Asocio estas viva, agema, ke estas saĝe kalkuli kun ĝi, ke laŭ praktika vidpundto estus ne malbone, ĝin aliĝi.

∴

Fine tria punkto, ankaŭ al mi antaŭmetita de la sperto.

Ofte okazas ke esperantiano de mia urbo transloĝiĝas : tio estas speciale ofta pri studentoj, ŝtataj oficistoj, k. c., ĝenerale tre fervoraj por nia afero. Ĉu mi ilin simple forstrekas de mia membrolisto? Memkompreneble ne. Se la dirita membro translogiĝas ekzemple en Parizon, mi prenas el mia dokumentujo la aliĝilon de la dirita membro kaj post almeto de lia nova adreso mi ĝin sendas al la delegito de Parizo, petante ke li bonvolu lin enskribi en sian regionon, kaj tuj sendi al li novan membrokarton. Se la dirita membro translogiĝis en urbon kie ne estas delegito, mi sendas la aliĝilon al la plej proksima delegito, kiu plej ofte lin varbos por delegito aŭ subdelegito en lia nova restadejo.

Ŝajnas ke tiu farmaniero estas rekomendida. Per ĝi, niaj membroj, anstataŭ forgesi nian Asocion dum la diversaj prizorgoj de transloĝiĝo, kontraŭe havas bonegan okazon provi ĝian taŭgecon, uzante, tuj post sia alveno en la urbon, la helpon de nia delegito, kaj trovante, dank'al li, novajn agrablajn amikojn, inter la tieaj samideanoj.

Ni ja ne forgesu ke la celo de nia Asocio ne nur estas plifaciligi la komercajn aŭ turismajn interrilatojn ; sed ke ĝia ĉefa, vere alta celo estas la plifortigo de la sentoj de solidareco inter ĝiaj membroj. Ni ne forgesu ke ni estas ne nur esperantistoj, sed plie, esperantianoj. Al esperantistoj sufiĉas, laŭ la Bulonja deklaro, nur la scio de Esperanto. Al ni, esperantianoj estas nepra devo la interhelpado kaj frateco. Pro tio, ni devas zorgi ke neniu el ni fariĝu indiferenta pri nia granda familio aŭ ĉesu partopreni en ĝia vivo. Tio speciale estas la tasko de la delegitoj kiuj devas preterlasi neniun okazon pli intime interkonatigi la membrojn de sia regiono kaj en ilian koron fortike enradikigi la internan ideon de Esperanto, la altan idealon de Esperantio, sen kiu ĝi nur estus radaro sen animo, organizajo sen estonteco, nek socia signifo.

Th. Rousseau,
*Komitatano de U. E. A.*

# SOCIA VIVO

## KOMERCO

**La ekonomia situacio en Germanujo dum 1909. — Komercistoj kaj agrikulturistoj.**

La jarraporto de la komerca ĉambro en Hamburg rezonas jene :

Nur malrapide kaj ŝanceliĝe dum la nomita jaro ree la negocoj leviĝis de la malalta nivelo, kiun ili estis atingintaj dum la lasta jaro (1908), kaj eĉ en la nuna tempo *la irado de la komercaj aferoj nepre ne ekvigliĝis*.

La aliiĝo, kies ekapero certe estas nedisputebla, estas rimarkebla pli per ŝanĝo de prijuĝo ol per grava ĝenerala plialtigo de ekonomia agado. Rimarkinda estas la subita ŝanĝo en la movado de la procentmezuro. Efektive ankoraŭ neniam post grava krizo de tia periodo de tutmonda ekonomio jus pasinta, la gradoj de malaltiĝo kaj realtiĝo de la monnegocaj aferoj sin alterne sekvis tiel rapide kiel en la lasta estinteco.

Kompreneble la konsumantoj dum la lastjara premita situacio kiel eble plej multe estis limigintaj siajn aĉetojn, kaj pro tio iliaj provizoj jam ne estis abundaj. Sed post kiam la malbona stato de la ekonomia situacio pasis, ekaperis la tempo, dum kiu oni pli poste kompletigis la tenejojn laŭ bezono, por ke oni profitu la epokon de ankoraŭ malaltigitaj prezoj. La spekulaciuloj, tiel longtempe vidiĝintaj kiel vendistoj en la komerco, dum ili atendadis pluan malaltiĝon de la prezoj, nun ekaĉetis. Tial la prezoj, kiam la aĉetoj pliiĝis, emis altiĝi. Al komerco kaj industrio tia ŝanĝo antaŭ ĉio aligis la profiton, ke oni havis okazon, disvendi la ankoraŭ ekzistantajn valorojn kaj provizojn je prezaj ofte favoraj. Entute sekve de tiaj cirkonstancoj la negocagado denove pli kaj pli vigliĝis, ankaŭ la eksportado iom pliboniĝis, sed la rezultataj de la komerco ĝis nun ne estas ĝenerale ĝojigaj.

Krom tio en multe da rilatoj la industrio ne kontentigis la esperojn, havitajn pri la citita jaro. Estas vera, ke la industriistaro, povante profiti ankoraŭ per mendoj kaj rezervitaĵoj, restintaj el la antaŭa periodo de prospereco, nuntempe, malgraŭ ke la prezoj por grandaj materialoj altiĝis, estis devigataj plenumi dum la tempo de malfavora ekonomio la sur sin prenitajn komisionojn je kondiĉoj pli malmulte favoraj.

Rilate al apartaj branĉoj de la industrio, k. c. la elektra fako, la cirkonstancoj disvolviĝis nepre pli favore, dum koncernante aliajn branĉojn, k. c., ŝipkonstruado, la situacio eĉ nuntempe ankoraŭ estas nekontentiga, kaj ankaŭ la konstruada agado ĝenerale ankoraŭ nun malprosperas. Entute la entreprenemeco en metiaj rondoj apenaŭ reviviĝis ; ĝis nun mankas novaj entreprenoj kiel same plivastigado de jam ekzistantaj, se oni ne atentas malmultajn esceptojn.

Estas vere, ke malgraŭ tio la procento jam forte realtiĝis, sed tiu aperaĵo estas grandparte kaŭzita de pli granda okupado de la monkomerco per la aĉetoj de la spekulaciularo, fariĝantaj pli rimarkeblaj en la komerclocoj eksterlandaj ol germanaj, kaj kiu en la nuna tempo pli rapide antaŭiras la faktojn ol antaŭe, reenigante jam nun profitojn ankoraŭ farotajn ; plue oni parte devas serĉi la kaŭzon en la bezonoj de la *movado de la rikolto*, kiu cetere en la plej multaj partoj de Germanujo tute bone prosperis, okazigitaj dum la lasta triono de la jaro rilate la mon-komercon ; antaŭ ĉio en Germanujo oni plue devas atenti la premadon de la regnaj prunteprenoj, pezantan sur la monkomerco.

La publika komunikiĝo ne estis malhelpita per gravaj ĉeskuoj. La danĝero de milito, kuntiriĝinta dum la unua duonjaro sekve de implikiĝoj en la Balkanŝtatoj feliĉe pasis. Rimarkinde estas la graveco de kelke da tempo gajnita de la *bojkoto kiel batalilo rilate ankaŭ al internaciaj interrilatoj politikaj*. Grandan danĝeron por nia grandparte anglajn karbojn konsumanta ŝipveturado kaj la industrio de niaj marbordaj regionoj kaŭzis la minacanta striko de laboristoj de la skotaj kaj anglaj karbominejoj, kiu tamen ĝojige estis evitata. La provo de ĝenerala striko, farita en Svedujo dum aŭgusto, baldaŭ malprospere ĉesis, ne restiginte pli gravajn konsekvencojn por la aliaj landoj.

Aliflanke serioza maltrankvilo naskiĝis por la Germanaj negocoj en la hejma lando per la internaj politikaj aferoj en la propra regno mem. La unuflanka partieco, per kiu la nove naskiĝinta plimulto da agrikulturistoj kaj ekleziulaj parlamentanoj daŭre de la debatoj pri la regna financformo celadis, transigi la ŝarĝojn de la bezonataj impostoj sur la ŝultrojn de la rondoj komercistaj kaj metiistaj, kaj la senrespektemeco, kun kiu tiu-ĉi plimulto, ne konsiderante la esencajn kondiĉojn de komerco kaj industrio proponis tro rapide kunmetitajn leĝprojektojn, taŭgajn jam per sia teĥnika nesufiĉeco, por grave malutiligi la publikan laborenspezadon, krom tio sekve de sia difektiga entrudemeco al la strukturo de la negocaj aferoj, serioze minacis malfortigi la staton de la Germana monkomerco, kunvokis la rondojn de komerco, industrio kaj metio de tuta Germanujo, por energie protesti kontraŭ tiaj malrajtoj kaj por daŭra kunigo per la *Hansaligo*, por kontraŭbatali ilin estonte.

Kvankam la plej danĝeraj malbonaĵoj de la imposta politiko de la flanko de tiu-ĉi plimulto da parlamentanoj fine estas forigitaj dank'al la kontraŭstaro de la registaro, tamen la aferoj de komerco kaj komuniko multflanke estis malutile influitaj per la malperfekteco de la tro rapide farita laboraĵo de l'imperia parlamento kaj de la federala konsilantaro, malperfekteco, kiu cetere malutile montriĝis dum la pasinta ekonomia jaro eĉ en aliaj branĉoj de la leĝofarado.

Krom tio la rezultato de la malagrablaj traktadoj limigas, ke sen samtempe forta malgrandigo de la elspezoj la nove kreitaj fontoj de enspezoj ne sufiĉos por efektivigi la de longe deziritan kaj treege bezonatan ordigon de la regnaj financoj kaj ilian apartigon de tiuj de la federalaj ŝtatoj.

Trad. Wilh. Neurath (Wernigerode).

## GEOGRAFIO

**Protektado de naturo en Svislando**

Antaŭ kelke da tempo kunvenis en Berno, la ĉefurbo de Svislando, la Svisa komitato por naturprotektado. La nomita komitato estas la plej juna sekcio de la svisa naturesploranta societo. Ĝi havas la belan kaj idealan taskon : gardi sciencajn gravajn naturmonumentojn antaŭ ol ili iĝas oferoj al industriaj entreprenoj aŭ spekulado. Konservi al la lando la ĉarmplenan ornamon de la plantoj kaj kiel, eble plej la primitivajn bestojn kies nombro jam tiel fortege malaltiĝis.

Por atingi tiun-ĉi celon fondiĝis en preskaŭ ĉiuj kantonoj « sub-komitatoj », kiuj havis jam multajn sukcesojn. La unua laboro de la komitato por naturprotektado estis protekto de plantoj. Jam de longe ĉiu atenta naturamanto povis kun granda bedaŭro rimarki, kiel precipe en la montaro, la nombro de la belaj kreskaĵoj ĉiujare pli kaj pli malgraviĝis. Aparte en la proksimeco de stratoj kie la granda turistaro pasas, tiu detruo estis videbla. Jam kelkaj kantonoj, post petoj de la komitato, malpermesas nun leĝe la grandkvantan elfosadon, vendadon kaj forsendadon, de sovaĝaj plantoj. Por ke tiu leĝo ĉie konatiĝu, ĝi estos afiŝata en stacidomoj, hoteloj, publikigata per jurnaloj, k. t. p. Sed unu el la plej gravoj problemoj por la komitato restas la kreado de « rezervejoj », t. e. pli aŭ malpli grandaj teritorioj kiuj por ĉiuj tempoj devas resti tute netuŝitaj, por eligi plene la ŝanĝantan influon de la homoj, kaj konservi sian naturstaton por ĉiam.

Rilate al tio marŝas la Usonanoj jam de longe je la unua vico de la landoj kaj je 1832 kreiĝis en Usono « National-Parks ». La plej konata estas la « Yellowstone-Park ». Ankaŭ en Aŭstralio, Germanujo, Aŭstrio multo estis farita por tiu bela entrepreno.

En Svisujo la arbargardistoj estis la unuaj kiuj proponis la kreadon de « arbarrezervejoj ». La komitato forte subtenis la ideon kaj starigis ĝin sur plej larĝa fundamento, petante de siaj sekcioj proponojn por « plen- aŭ partrezervejoj ». Kiel unuan rezervejon en Svislando, oni konsideras la « Ofenregiono » en Suba-Engadino (Grizono). Tiu ĉi favora teritorio apartenas al la Engadinaj Alpoj. La limo de neĝo kaj arbaro estas tre altaj. (Neĝo 3000 m. arbaro 2200 m.) Pro pejzaĝa beleco, sovaĝeco, tiu regiono kun siaj mallumaj arbaroj, riveroj bruantaj kaj glaciaj supraĵoj certe ne estas superita de alia alpa regiono. La floraro kaj bestaro estas tre riĉaj. Speciale la « Valo Kluozo » formos la unuan Svisan naturparkon. Valo Kluozo estas alta montovalo en kiu oni nur kun granda malfacileco povas penetradi. Ĝi etendiĝas de monto « Pic Ouatervals » norde kaj lenĝas je 1520 m. ĝis 3159 m. La longeco estas 10 km., la maksimuma larĝeco 4 km. kaj la enhavo 28 km. 2. Supre la valo finiĝas per la 3 ŝtoneg- kaj ruinvaloj : « Valeto » (Valletta) « Valo ŝtonego (Val Sasso) kaj « Valo de la diablo » (Val del Diavel). Sudflanke ĝi estas ŝlosita per glaciaro. Valo Kluozo estos transdonita al la komitato por 25 jaroj laŭ kontrakto. Dum tiu ĉi tempo ĉesos ĉiu ekonomia uzado ! ĉiu ĉasado kaj paŝtado estos malpermesataj. La naturparko estos pligrandigita, kaj jam nun la komitato kontraktas kun kelkaj komunumoj de la sama regiono por aliaj valoj Per tiaj ne tuŝeblaj rezervejoj por ĉiuj Alpaj kreitaĵoj, la svisa komitato por protektado de naturo, esperas rekrei natursanktejojn, kiel estis la Alpmondo antaŭ la alveno de la homo.

F. Schmutz (Basel).

**Per fervoja vojaĝo tra la montaro Norvega**

Alilandanoj vizitantaj Norvegujon ofte miris pri la fakto ke estas necese veturadi pli ol 50 horojn por translokiĝi el la ĉefurbo al la post ĝi plej granda urbo Norvega, fakto, kiu estas senegala en la historio de la ŝtatoj civilizitaj. Sed la rilatoj ĉitieaj estas ankaŭ neordinaraj. La fervojo interligonta ĉi kiujn urbojn devus venki malfacilaĵojn, ne aperintajn en iu fervojo eŭropa. Ĝi devus esti kondukata super montaj profundegaĵoj, tra la malmolaj montoĉenoj kaj laŭ vastaĵoj senvojaj kaj sen homoj, altaj je 500 metroj super la arbarlimo ĝis la senvojaj dezertaĵoj, kie la ventego neĝa blovegas tiel furioze ke neniu povas tion imagi, ne vidinte ĝin. Sed, « kie estas volo, tie ankaŭ estas vojo » dras malnova proverbo. Kaj la linio fervoja malfermita la 27an de novembro 1909 estonte staros kiel la plej majesta monumento al Norvega inĝenierarto kaj entreprenemo. Nun la turistoj povas sen ia ajn propra peno, komforte sidante en la molaj seĝoj de la vagono, en malmultaj horoj translokiĝi el la bruo kaj rapideco de l'grandurbo supren en la altmontaron kaj la vastaĵojn.

La fervojo al Bergen eliras el la « Orienta fervoja stacidomo » de Kristianio kaj trairas Hadeland ĝis Hoenefos. De Homefos tra Kroedshorred, trairante la tunelon Haversling. Elveninte el tiu tunelo oni ekvidas belegan vidaĵon : la supraĵon de l'lageto Kroederen enkadrigatan per arboj, en la posto kronitan per la neĝokovrita Norefjeld.

Poste la fervojo kondukas nin laŭlonge de Kroederen en la belan valon Hallingdal (1) kun rivero falanta en krutaj akvofaletoj ĝis Kroederen. Ni preterpasas Sjeilo, la lasta paroĥo en Hallingdal antaŭ ol aperos la naturo altmontara. Iom post iom la pejzaĝo ŝanĝas karakteron, la arboj fariĝas malpli altaj kaj kripliĝintaj, la lastaj estas betuletoj kaj silikoj. Poste ankaŭ ili malaperas kaj la altmontaron ni eniras.

Ni preterpasas kelkajn belajn montolagetojn, la tuneloj trairitaj finiĝas per antaŭŝirmiloj lignaj, formantaj daŭrigon al la tuneloj por ŝirmi ilin kontraŭ la neĝo Neĝoŝirmitaj ofte estas lokigitaj en pluraj vicoj kaj memorigas pri la furiozeco de l'ventego ĉi-supre sur la senfinaj vastaĵoj.

Preterpasinte Taŭgastol la fervojo atingas Finse, la plej alte lokigita stacidomo de ĉi-tiu fervojo kaj la loko, kie aperas la altmonteco plej majeste, plej sovaĝe, panoramo de preskaŭ supernatura beleco. Oriente de lageto Finse la monto Finsenuten levas sian pintegon, sude de la fervojo kuŝas la grandega Hallingskarvet, dum en nordo la blu-blanka glaciegaro de Hardangerjoekel brilas en la radioj sunaj, kvazaŭ grandega ornamaĵo diamantara. Ĉe Finse ankaŭ estas centro por la sporta kampo, nun kiel facile atingebla per la fervojo.

El Finse la fervojo kondukas tra Hallings keid ĝis Myrdal ; jus antaŭ estos atingita tiu lasta stacio la vagonaro ekhaltas kelkajn minutojn por permesi al la vojaĝantoj ĝui la belan perspektivon malsupren en la valon Flamsdal, unu el la plej sovaĝaj kaj interesplenaj intermontaj valoj norvegaj. Pasinte Myrdal la vagonaro tuj eniras la tunelon Gravehalsen, longan je 5 300 metroj. La fervojo nun rapide iras malsupren, la pejzaĝo iom post iom perdas sian karakteron altmontan kaj transformiĝas en arbarpejzaĝon sovaĝon kaj solecan. Tra pasinte Raŭndalen ni atingas pejzaĝon pli fruktoportan kaj ridetantan, ni alproksimiĝas al la larĝaj paroĥoj de Voss. Ĉe Woss komencas la plej malnova parto de la linio, trafikita jam en multaj jaroj. Laŭlonge de tiu-ĉi parto de l'vojo oni preterpasas multajn fabrikejojn, post kio la vagonaro enruladas en Bergen.

En la mallonga tempo en kiu ĝi estas trafikita, la fervojo estas uzita en amplekso superanta la plej grandajn pretendojn. Sed la pejzaĝoj trapasitaj per ĝi ankaŭ estas el la plej belaj kaj sovaĝaj en la tuta mondo.

E. Andreassen (Tistedalen).

## EKSPOZICIOJ

**Unua Ekspozicio de Aeroplanoj en Anglujo.**

Sub la grandega vitra kupolo de « Olimpia » en Londono malfermiĝis la 11 marto la unua ekspozicio de aeroplanoj en Anglujo.

En la stando de Blériot vidiĝas dudeko da monoplanoj egalaj al tiu kiun li uzis por transflugi la kanalon vendeblan je la prezo da Sm. 4.800 ĉiu kun rajto ricevi instruon pri la manovrado. Unu aeroplano Farman simila al tiuj venkigis al aviadisto tiom da rekordoj estas vendata je Sm. 10.500. Alia stando enhavas dekduon da aeroplanoj Leblon-Delagrange.

Multaj anglaj aviadiloj estas videblaj ĉar la anglaj meĥanikistoj dediĉis sin kun granda fervoro al fabrikado de aeroplanoj. La frataj Short de Battersea elmontras 14 aeroplanojn konstruatajn en la lastaj du jaroj. Unu el ili venkis la premion de Sm. 10.000 de la gazeto *Daily Mail* por la unua rondflugo de unu mejlo efektivigata per maŝino komplete konstruata en Anglujo. Oni vidas ankaŭ monoplanon Spencer Stirling kaj triplanon Roe. La plej malkara aeroplano estas la « Avis » vendotan nur Sm. 3.600. — C. S.

**Ĉiudujara Ekspozicio de Belaj Artoj en Verona**

La 10-an de marto malfermiĝis la Ekspozicio de Belaj Artoj kiu ĉiudujare okazas en Verono de 1868 en la vastaj salonoj de la palaco Gran Guardia.

Multnombraj estas la famaj artistoj kiuj al diversaj urboj de Italujo sendis ŝategindajn verkojn, sed la ĉefa merito de la ekspozicio estas la konigado al granda publiko de la junaj talentplenaj pentristoj De Falco, Miolato, Piccoli kaj skulptistoj Dondè, Cattami, Modena kiuj promesas starigi sur solidan bazon siajn nomojn en la kampo de la belaj artoj.

C. S. (Del. Verona).

## KONGRESOJ & FESTOJ

**Mondkongreso de la Internaciaj Asocioj en Bruselo. — Ĝia programo. — Esperantista partopreno..**

Mondkongreso de l'Internaciaj Asocioj, havos lokon en Bruselo dum la monato majo 1910.

La objekto de tiu Kongreso estas la studo de l'internacia organizado en ĉiuj fakoj kaj laŭ ĉiuj formoj : scienco kaj arto ; juro kaj politiko ; socio kaj ekonomio.

La internacia organizado estas ŝuldita al vasta kaj kontinua movado, centjara laŭ sia deveno, sed kiu plene disvolviĝis nur dum la lastaj jaroj. Ĝi celas pli grandan kunagadon inter similaj grupoj en ĉiuj landoj, la etendon al la tuta mondo de l'grandaj akiroj de l'scio kaj de l'tekniko, la unuigon de l'metodoj kaj la internacian interkonsenton en ĉiuj okazoj, kiam ĝi estas ebla aŭ dezirinda.

La internaciaj Asocioj fariĝis la centralizantaj organoj de tiu movado. Oficialaj aŭ privataj, ĉu kreitaj de l'unuiĝo de Ŝtatoj ĉu formitaj de l'kuniĝo de naciaj libere iniciatantaj grupoj, al ili ni ŝuldas tiujn rezultatojn, kiuj aliformigis la mondan vivon : la universala poŝto ; la etendo de l'metra dekuma sistemo al ĉiuj rilatoj ; la kunordigo trans la landlimoj de l' fervojaj kaj navigaj servadoj ; la internacia juro aplikata al ĉiuj juraj rilatoj de personoj kaj posedaĵoj ; la arbitracia justeco inter la nacioj, substituante la regon de l' paco al la dubŝancoj de l' milito ; la interparlamenta diskutado de l' grandaj mondinteresoj ; la mutualeco, la bonfaro kaj la asekuro, etendante al ĉiuj landoj la sferon de l' solidareco kaj frateco ; la publika sano savita kontraŭ la grandaj epidemioj per interkonsentitaj higienaj reguleroj ; la artaj verkoj kaj la libroj internacie protektitaj, interŝanĝitaj, pruntedonitaj, kaj la universaligo de l' dokumentado ; la sciencoj komune studataj kaj, dank' al la kunigo de l' partaj rezultatoj akiritaj de ĉlulandaj laborantoj, konsistigitaj en universala sintezo de l' scio.

Kunvenigi en komunaj kunsidoj la direktantojn de la internaciaj Asocioj kaj tiujn, kiuj partoprenas ilian agadon, estas nova entrepreno. Kiu ne estas konvinkita, ke ĝi estas destinita al produkto de grandegaj rezultatoj ?

La celo de l' kongreso estas ja multobla.

Ĝi estas unue la interrilatigo de homoj, kiuj vivis, kontaktante la internaciajn realaĵojn. Ili havas reciprokan intereson al interŝanĝo de la fruktoj de sia sperto pri la uzindaj rimedoj kaj la entreprenindaj procedoj por la disvolvo kaj la kondukado de l'Asocioj, kies direkto estas al ili konfidita. Poste, ĝi estas la serĉado de l'harmoniigo kaj kunordigo de l' celoj kaj agadoj de tiom da diversaj institucioj, naskitaj de apartaj bezonoj, kaj kiuj ofte disvolviĝis, eĉ ne suspektante, kiamaniere ili povus kunagadi, sin interhelpadi, pliĝuste limi siajn agadkampojn, sin pli bone difini mem, ĉu sin direktante al iu difinita direkto, ĉu elvokante la kreon de novaj, komplementaj kaj helpaj organismoj.

Fine, kaj super ĉio, tre utilos konfidi al Centra Kongreso la entreprenon mem, kiu estas komuna al tiom da internaciaj Asocioj kaj kongresoj : la organizon de la internacia vivo, en kiu retroviĝos, kvankam laŭ pli vasta skalo kaj kun karakterizaj modulacioj, la samaj funkcioj kaj la samaj problemoj, ol en la nacia vivo. Ilin studi, ilin formuli kaj ilin proklami atentante pri iliaj reciprokaj rilatoj, ĉu tio ne estas tasko, kiu nature apartenas al la

unuiĝitaj internaciaj Asocioj, kiuj nuntempe formas la plej altan reprezentantaron de la mondaj interesoj kaj de la civilizo?

Kunvenigita la unua el tuta serio de specialiaj internaciaj kongresoj ankaŭ kunvokitaj Bruselon en 1910, kiel tradicie decas en jaro de universala Ekspozicio, la la kongreso de l'Internaciaj Asocioj sendube tre efikos sur ilian orientiĝon.

Oni esperas, ke plaĉos al multaj internaciaj organizaĵoj partopreni kaj kontribui al ĝia sukceso, alportante, koncerne siajn specialaĵojn la multvaloran kunlaboradon de sia scienco kaj sperto.

Tiu kunlaborado povos nome efektiviĝi, prezantante al la kongreso ĝeneralan raporton pri sia organizo, programo, laboroj, la metodoj de ili aplikataj, la rezultatoj akiritaj, deziroj pri kunagado kun aliaj Asocioj.

La kongreson preparis du publikigaĵoj: la *Enketo pri la Internacia Asocio*, konsiderata kiel socia skrukturo, kies unua aperinta volumo entenas monografion de 18 Asocioj; kaj la *Jarlibro de la Internacia Vivo*, kolekto da pli ol 1500 paĝoj, kiu enhavas noticojn koncerne 150 Asociojn, pri kiuj ĉiuj oni donis, kun analizo aŭ represo de l' regularoj, resumajn notojn pri iliaj historio kaj laboroj.

La tagordo de la Kongreso de 1910 estas jena:

1-a. — Kunagado de Internaciaj Asocioj.

2-a. — Jura regimo de l'internaciaj Asocioj (leĝa rekono, civila personeco, k. c.).

3-a. — Internaciaj sistemoj de Unuoj en la sciencoj kaj en la teknikaj servadoj (unuigo kaj kunordigo de l' sistemoj, metra sistemo, C. G. S. sistemo, tipoj kaj « standardisation »).

4-a. — Tipoj de internaciaj organismoj (kompara esploro, avantaĝoj kaj malavantaĝoj de l' prezentitaj sistemoj).

5-a. — Internaciaj Asocioj kaj organizado de la bibliografio kaj dokumentado.

6-a. — Scienca terminaro kaj internaciaj lingvajoj (sistema terminaro de l' sciencoj, notacio, signalaro, internacia lingvo, sciencaj tradukoj).

La supraj demandoj, enskribitaj en la tagordon kaj esplorotaj en raportoj publikigitaj antaŭ la kongreso, estos diskutataj en ĝenerala kunveno. Tiu tagordo estas provizora. Aliaj demandoj povos esti aldonitaj. Ĉiuj demandoj de la konstanta programo povos okazigi komunikojn.

La organizo de la Kongreso estas komisiata al komisiono, en kiu partoprenas du reprezentantoj de ĉiu aliĝinta organizaĵo. La Kongreso konsistas el kolektivaj membroj (societoj, asocioj, institutoj, oficejoj, revuoj, k. a.) kaj el individuaj membroj. Ĉiu asocio prezentos raporton pri sia nuna stato: programo, organizo, labormetodoj, rezultatoj akiritaj. La sekretariejo de la Kongreso estas: rue de la Régence 3 *bis*, Bruselo.

* *

U. E. A. estos oficiale reprezentata ĉe tiu grava Kongreso de S-roj H. Hodler, vicprezidento, kaj Abato Richardson, Vicdel, en Bruselo. Raporto pri la organizo kaj servoj de U. E. A. estos legata. Aliparte la Esp. Centra Oficejo estos reprezentata de G-lo Sebert kaj de S-ro Carlo Bourlet, kiuj raportos pri lingvo Esperanto kiel interkomunikilo. Aliaj internaciaj Esp. organizaĵoj verŝajne ankaŭ partoprenos. Pri la movado mem, kiu naskis tiun unuan Kongreson, niaj legantoj povos ekscii el la verko de S-ro P. Otlet publikigata en « Esperanto ».

(Red.)

**Universala Kongreso de la homaj rasoj**

En 1911 kunvenos en Londono la Universala Kongreso de la homaj rasoj prezidota de Odler, profesoro de etiko socia kaj politiko en la Kolumbia Universitato en Nov Jorko.

La studo de la diversaj rasoj, kiuj entute ampleksas 1600 milionojn da homoj trovis en la pasinto gravajn malhelpaĵojn pro tradiciaj kaj religiaj antaŭjuĝoj kaj malfacileco de internaciaj interrilatoj. La Kongreso intencas per kolektado de verkoj kaj per distingadoj pri la biologio fiziologiso kaj psikologio de la rasoj nun regataj de Eŭropo kaj Ameriko, serĉi, kiuj estas la apartaj karakteroj de ĉiu raso kaj difini kiam oni povos trovi la ekzistadon de vera nacieco.

La celo de la Kongreso ne estas nur teoria sed ankaŭ filantropie praktika. Dum longa tempo la kolonia sistemo puŝis la eŭropajn ŝtatojn kolonii Azion, Afrikon, Amerikon k. c. kaj febra estis la konkurado inter ili por okupi kaj ekspluati novajn landojn. En tiaj okupadoj ofte manifestiĝis la subpremado de la rajtoj kaj la mortigado de la enlanduloj. La Kongreso postulos ke la profesoroj de internacia juro iniciatu laboron por protekti la rajton kaj la vivon de ĉiuj homaj gentoj.

C. S.

## IDEOJ & FAKTOJ

**La politikaj partioj kaj la nuna stato de Urugvajo**

De la tempo kiam Urugvajo fariĝis sendependa lando, ekzistas en ĝi du politikaj partioj, la Blanka kaj Ruĝa, kiuj ne havas alian celon ol ĝuigi al siaj partianoj la publikajn oficojn, sed kaŝante zorge sian celon sub la patriota idealo, kiu taŭgas kiel preteksto por la oftaj kaj ruinigantaj civilrevolucioj.

Efektive, per la perforto, la Ruĝa partio atingis la povon jam de pli ol kvardek jaroj, kaj de tiam, pli malpli ĉiukvarjare, la Blankuloj militas; tiuj teruraj kaj ofte longedaŭraj revolucioj ne permesas al la lando progresi tiel multe kiel estus eble se la urugvajanoj estus iom pli pacemaj.

Ĉiukvarjare oni elektas novan prezidanton; ĉiu prezidanto estas devigata pretiĝi por la milito; do estas nacia kutimo ke la maltriumfinta partio ne akceptas trankvile la elektinton kaj batalas kontraŭ la nova estro.

La lasta revolucio okazis en la jaro 1904 daŭrinte naŭ monatojn; malgraŭ tiu longa kaj sanga revolucio, baldaŭ eniris la lando en la progresvojon kaj oni povis esperi ke jam por ĉiam estis pasintan la militan periodoj.

Bedaŭrinde, ne multe daŭris la paco; post kvin jaroj denove la Blankuloj revolucias, la lando senhomiĝas, la komerca krizo pligrandiĝas ĉiutage minacante la nacian vivon, kaj kvankam ĝi ne estas danĝera pro registara forto, la rezultatoj de la milito estas ĉiam bedaŭrindaj; do ne nur oni elspezas multe da mono sed ankaŭ malmultaj el la migrintoj revenas hejmen.

Ne nur estas la Blankuloj kiuj pro pli malpli gravaj motivoj protestas nun kontraŭ la nuna registaro sed la tuta senpartia loĝantaro kiu deziregas vidi baldaŭ la finon de la nuna periodo, dum kiu la progreso atingita de antaŭ dek jaroj nuliĝas.

Antaŭ kvin jaroj Urugvajo meritis la nomon « Sudamerika Francujo »; fiere la urugvajanoj nomis ĝin la plej libera respubliko; tiu fiereco jam malaperis kaj tiu nomo estas de longe forgesita. La persona libereco ne plu ekzistas ĉi tie, la sola ordonisto estas la policestro kiu anstataŭas la prezidanton kaj arestas kaj ekziligas la personojn kiuj pensas malsame ol li; la liberpensuloj estas persekutitaj kaj malliberigitaj tute kontraŭleĝe, senprocese kaj sen punindaj motivoj.

Tiel oni vidis ke malgraŭ ke « estas tute libera la enirado, restado kaj foriro de ĉiuj personoj, en la urugvaja teritorio », alveninte ĉi tie multaj fremduloj de Argentinlando kiam tie okazis la morto de la tiea policestro la ĉi tiea policestro ne akceptis ilin kaj ordonis ilin enŝipigi; tiu nekredebla kontraŭleĝa agado meritis la plej severa mallaŭdon de la popolo, kiu de longe kutimiĝis havi la plej grandan leĝan liberecon.

Plie granda politika skandalo okazis pro honta afero: ĉi tie estas severe punitaj la hazardludoj; la polico devas zorgi pri la plenumo de la leĝoj kaj persekutadi senĉese la hazardludantojn. Tiel granda estas la malordo, ke la policestro mem publike malfermis hotel-kazinon kie iris la plej altranguloj por ludi la malpermesatajn ludojn. La tuta jurnalaro protestis kontraŭ tia malkaŝita kontraŭleĝaĵo kaj akuzis la prezidanton mem kiel kunpulpulo je la policestro; la skandalo atingis tiel grandajn proporciojn ke la juĝisto estis devigata interveni fermigante la kazinon kaj arestigante multajn ludintojn.

Oni ne scias ankoraŭ pri la fino de ĉi tiu ĝis nun ne vidata afero; la proceso daŭras kaj la popolo atendas senpacience ĝian rezulaton.

R.-V. Ydoyaga.

**La Ĉefurbestro de Vieno. — Doktoro Karolo Lueger**

Vieno funebras, la antaŭe tiel vivgaja urbo ĉe la blua Danubio. Ĝi ploras pri la perdo de sia plej bona filo, pri la morto de bona homo, pri sia ĉefurbestro D-ro Karlo Lueger. Vere neanstataŭigeble estas la perdo de tia viro! Kiel li amis sian belan Vienon! Per li Vieno iĝis ĝardenurbo; kie antaŭe estis dezertoj malbelaj lokoj, tie li kreigis ĉarmegajn parkojn kun pentrindaj lagetoj, tie li kreigis florĝardenojn, kiuj estas sanaj aerujoj por la loĝantoj de miliona urbo. Kiel multe li faris por la sociala bonforto de Vieno! Tion nur povos juste pritrikti la estonta historio! Kaj en la historio de Vieno ĉiam estos nomata unualoke la nomo de ĝia plej granda bonfarinto, de la pliriĉiginto de Vieno, de la genia kreinto de Grand-Vieno, la nomo de l'ĉefurbrstro D-ro K. Lueger.

Li estis karulo de tuta Vieno kaj li vere meritis tion: sian tutan forton li sole dediĉis al la de li amegata urbo. Kiu iam havis la feliĉon aŭdi lin kaj paroli kun li, tiu devis admiri la genian oratoron. Kiel li ekflamigis la korojn de l'ĉeestintoj! Neforgeseblaj certe estos por ĉiu aŭdinto liajn politikajn paroladojn, kompareblajn kun la oratoraj majstraj verkaĵoj de Cicero aŭ Demosthènes. Tiam li povis vere fulmi kaj tondri kiam li parolis kontraŭ la malkaŝitaj kaj kaŝitaj kontraŭuloj aŭ malamikoj de l'patrujo, de l'societo! Estis buŝaj bategoj, sed ĉiam li agis justege! Eĉ liaj plej kolerigitaj malamikoj povis nenion riproĉi al lia senegala karaktero, kaj mi opinias, ke tio ne estis lia plej malgranda gloro.

Li estis fidela servisto de Habsburg kaj konvinkita patrioto. Li amis sian fortan Aŭstrion kaj sciis plenigi ĉiujn kun sama amo. Grandioza estis la funebra procesio, partoprenis eĉ delegitoj ambasadoroj de fremdaj monarkoj. La gloro de lia nomo transiris la limojn de lia vasta patrujo! Eternan monumenton li konstruis al si en la koro de sia dankeme popolo.

Alfred Siebenschein, (Wien).

## PEDAGOGIO

**La unuagradaj lernejoj en Rusujo**
(Sekvo)

En la plej elementaj parohaj lernejoj oni havas nur du jarojn da lernado.

La ordinaraj nunaj parohaj lernejoj same kiel la lernejoj prizorgataj de Zemstvoj estas plejparte unuklasaj kun tri fakoj: komenca, meza kaj supera. Por ĉiu fako oni difinas unu jaron, sed en la malsukcesantaj lernejoj oni lernas duoblan tempon eĉ pli kaj ne ĉiuj finas, la kurson; precipe la knabinojn oni rapidas utiligi hejme; ofte oni aŭdas: « Mi povis iri lernejon nur unu solan vintron ».

Kie tio estas aranĝebla oni permesas aldoni kvaran fakon, kaj oni konsideras la kvarvintran kurson pli normala. Pri ĉiuj fakoj sin okupas unu sola instruisto, kiu devas iafoje sufiĉi por cento da lernantoj.

Tamen kiam la nombro de lernantoj superas 60, la zorgantoj ordinare aldonas alian instruiston, precipe se la lerneja domo posedas duan klasĉambron.

Kvankam ne multaj tamen ekzistas duklasaj vilaĝaj lernejoj, kies laŭleĝa kurso enhavas kvin jarojn.

La plena kurso de ĉiuj urbaj lernejoj daŭras ses jarojn: la lernejoj unuklasaj havas 3 fakojn po du jaroj; la duklasaj 2 fakojn en la 1a klaso, kaj oni restas po du jaroj en ĉiu klaso; la triklasaj havas tri klasojn dujarajn, ĉe la kvarklasaj la unuaj du klasoj estas dujaraj.

*Kion oni lernas?*

La instruaĵoj en la unuklasaj lernejoj estas: 1) Mallonga ortodoksa katehismo kaj la Sankta Historio; 2) Legado ruse kaj antikvaslave; 3) Skribado; 4) La kvar unuaj operacioj de l'aritmetiko kaj; 5) Eklezia kantado laŭeble.

Fervora kaj kapabla instruisto povas, per legado, interparolado — foje kun lumaj projekcioj — ankaŭ per laborado en ĝardeno kaj ekskursoj doni plenigajn sciiojn pri natursciencoj, geografio kaj historio; plie, instrui desegnadon, manlaboron, gimnastikon kaj laikan kantadon.

La instruaĵoj en la duklasaj lernejoj estas: 1) Ortodoksa Religio; 2) rusa lingvo; 3) Aritmetiko kaj praktika geometrio; 4) Necesaj scioj pri patruja historio kaj geografio; 5) Kaligrafio; 6) Eklezia kantado; 7) Desegnado; 8) Manlaboroj. En la urbaj lernejoj oni instruas la samon, aldonante al tio kelkajn sciojn pri tutmonda historio, geografio (1), kaj el natursciencoj.

En la eksterklasa tempo oni rajtas instrui diversajn metiojn; se la lokaj urbaj societoj donas por tio ne malpli ol duonon da necesaj monrimedoj la mankaĵo estas tiam liverata de Regna Trezorejo.

Tie kie ĝi estas farebla, oni permesas manlaboron kiel aldonan instruaĵon en la eksterklasa tempo de 4 ĝis 8 horoj semajne.

Aliaj aldonaj, nedevigaj instruaĵoj povas esti enkondukataj en la lasta klaso de l'urbaj lernejoj kun permeso de M. P. K.

Tiamaniere oni lernigas plej ofte iom da « germana » lingvo en rusaj urbaj lernejoj Dank'al tiu leĝo, sendube, D-ro Nauménko en Vladikaŭkazo sukcesis aranĝi kurson de Esperanto ĉe urba knabina lernejo.

*Instalado de lernejoj*

Eĉ urbaj unuagradaj lernejoj ne ĉiam havas sian propran konstruaĵon kaj la vilaĝaj estas ofte lokataj en la dometoj de kamparanoj iafoje preskaŭ ruiniĝintaj, malvarmaj, malsekaj, haladzaj.

Dank'al la troplenigo de l'klasaj ĉambroj, ofte malaltaj, oni suferas pro manko da pura aero. Zorgema instruisto povas tamen rimedi eĉ al tiuj kondiĉoj, malfermante la aerumilojn de l'fenestroj aŭ pordojn dum la lecionaj intertempoj kaj sendante la infanojn eksteren eĉ en la frostaj tagoj.

Ne en multaj lernejoj ekzistas ankaŭ meblaro, efektive taŭga por la lernantoj. Kurado kaj laboroj, la freŝa aero ekstere feliĉe sufiĉe sukcese korektas tiujn maltaŭgaĵojn.

*Fizika kaj psiĥika stato de l'instruantoj kaj instruatoj*

Malbonaj higienaj kondiĉoj de multaj lernejoj influas pereige la sanon de geinstruantoj, ĝenerale suferantaj pro troa laboro. Kia feliĉo kaj utilo estas por tiuj popolaj pedagogoj, se ili povus ne nur ripozi meze de patruja somera naturo aŭ viziti iujn aliajn lokojn de l'grandega imperio, sed eĉ konatiĝi reale kun aliaj landoj, aliaj nacioj, aliaj vivmanieroj.

La Societo por disvastigi la teĥnikajn konojn, jam fondis komisionon de Instruaj Ekskursoj, kies oficejo troviĝas en Moskvo. Somere de l'jaro 1909a tiu ĉi Komisiono sukcesis vojaĝigi pli ol mil popolajn geinstruistojn en diversaj landoj. — — Oni ricevas enskribojn tiucele ĝis la komenco de Marto. En Rusujo estas jam popolaj geinstruistoj sciantaj Esperanton, kaj kredeble, delegitoj de U. E. A. povos iel utile helpi ilin dum la libertempaj vojaĝoj. Kio koncernas la lernantojn multaj el ili, pro malbona hejma loĝado kaj ofte ankaŭ pro mankoj de lerneja instalado, suferas je okulaj malsanoj, skrofolo k. a.

*Projekto de instruado, deviga por ĉiuj tra la tuta Rusa Imperio*

Ankoraŭ la 1an de novembro 1907a al la Regna Dumo de la Ministro de Popola klerigado estis prezentita projekto pri la enkonduko de la elementa instruado por ĉiuj loĝantoj de l'Rusa Imperio senescepte. La 8an de januaro 1908a tiu ĉi projekto estis transdonita al la Komisiono de Popola Klerigado, kaj aŭtune de l'jaro 1908a oni organizis specialan konsilantaron (el 12 personoj) pri la instruado de ĉiuj kaj ĝi ellaboris projekton de leĝo (154 artikoloj) pri la elementa instruado en la Imperio. Tiu ĉi projekto estas nuntempe ekzamenata de Duma Komisiono pri la Popola Klerigado. Oni povas esperi ke fine de l'jaro 1910a, Rusujo ricevos novan lernejan leĝon. La Ministro de Popola Klerigado proponis al la zemstoj klopodi pri tio, ke post 10 jaroj oni havu kolekton da lernejoj servantaj ne pli ol por trikilometra radio.

Tiucele la lokaj organoj de memregado devas verki planojn de lernejaro en siaj regionoj kaj prezenti ilin al la Ministro, difinante la tempolimon je kiu tiu ĉi plano estas efektivigebla kaj kiom da lokaj monrimedoj oni disponas por tio. Se la Ministro povas aprobi la prezentitan projekton de loka lernejaro, ĝi donas helpmonon por ĉiu tuj fondota lernejo: en la lasta tempo la Ministro iom pligrandigis sian buĝeton de Popola Klerigado.

Nun en multaj gubernioj la Urbaj kaj zemstvaj Upravoj rapidas asigni monsumojn, por akceli la efektivigon de tutpopola instruado. Ne malofte jam okazas ankaŭ donacoj de privatuloj tiucele.

Atendante la aranĝon de lernejaro, sufiĉanta por ĉiuj Rusujanoj oni penadas dume helpi la popolan klerigadon per dimanĉaj kaj vesperaj kursoj por ĉiuaĝaj personoj, ne povintaj viziti ordinarajn lernejojn, per publikaj legadoj kaj paroladoj ofte kun lumaj projekcioj.

A. Ŝarapov (Del. Kostroma).

(1) Ankaŭ al vilaĝa instruisto tio ne povas esti malpermesata.

# La Faktoj

*4 Marto*, Romo. — Grava konflikto ĉe la deputataro inter deputato Chiesa kaj vicministro de l'milito generalo Prudente.

Venecio. — Komenciĝas la proceso, dirita de la rusoj, pro la mortigo de grafo Kamarowsky.

5. Romo. — Inaŭguro de la LXXX belarta ekspozicio.

6. Berlino. — Granda popola manifestacio por la reformo de la balotsistemo.

8. Humebutell (Germanujo). — La direktebla aerŝipo « Ruthanborg » falas teren kaj disrompiĝas.

9. Romo. — Duelo kun malgrava skrapeto inter deputato Chiesa kaj generalo Prudente. — Norvega deputataro aprobas salajron al la deputatoj po 3.000 kronoj por ĉiu kunsidaro.

10. Vieno. — Mortas urbestro Karlo Lueger.

A. Tellini.

# Homara Dataro

1320, Mortas Marko Polo, fama Venezia esploristo kaj maristo. — 1572. La almozuloj de la maro almilitas Bielle (Holando). — 1814, Napoleono 1a estas detronigita. — 1815. Naskiĝo de la germana ŝtatisto Bismark. — 1891. Mortas historiisto kaj poeto Ferdinando Gregorovius.

792. Naskiĝas Karlo Ia la Granda (mort. 28/1 814). — 1791. Mirabeau la plej fama franca oratoro mortas. — 1836. Naskiĝas en Littan apud Olmütz, mineralogiisto Gustavo Czermak, profesoro en Vieno.

1682. Mortas en Seviljo pentristo Bartolomé Esteban Murillo.

1794. Batalo ĉe Raclavice; Kosciuŝko venkas. — 1826. Naskiĝas Zanobi Gramme, elpensinto de la dinamo-elektra maŝino.

46. Antaŭ Kristo, Julio Cezaro venkas la respublikanojn ĉe Papso. — 1553. Mortas en Hannover Antonio Korvino (Ræbener) el Varburg (nosk. 1501) reformisto. — 1774. La partio de la Cordelieri disfalas; ekzekuto de Danton. — 1872. Mortas J. Morse, elpensinto de la telegrafio.

1119. Mortas Rikardo Ia diritaj leona koro, Angla reĝo. — 1520. Mortas Rafaelo Saucie. — 1625. Mortas Jakobo Ia, angla reĝo.

124. Mortas papo Benedikto VIII. — 1492. Mortas en Firenzo Lorenzo de Medici nomita « la malavaregulo ». — 1789. Mortas Petro Camper el Leido (nas. 1722) kuracisto kaj naturalisto, kiu starigis la teorion de la vizaĝa angulo por esprimi la malsamajn karakterojn de la homaj rasoj. — 1820. Mortas Cezaro Karlo de Beaugency (nask. 1746) elpensinto de la aerostato kun hidrogena gaso.

1341. Poeto Petrarke estas kronita en Kapitolio. — 17. Mortas en Vieno itala poeto Metestasio. — 1904. La religiaj emblemoj estas forprenitaj de la francaj juĝejoj.

1241. Granda batalo ĉe Lignica (Silesio); Tartaroj venkas Ludovikon IIa. — 1626. Mortas Francisco Bacono el Verulamio, filozofo. — 1889. Mortas la fama ĥemiisto el Angers (nask. 3/8 1786), Miĥaelo Eŭgenio Chevreul. — 1619. Wilhelmo Harveg malkovras la sangiradon.

1793. Oni starigas la Komitaton por la publika savo. — 1848. Mortas en Parizo geometriisto Lagrange. — 1868. La angla militiro venkas imperiestron Teodoro el Abisinujo ce Arogi. — 1890. Mortas filozofo Aŭrelio Saffi. — 1899. Doktoro Bra anoncas la eltrovon de la mikrobo de la kankra malsano.

1434. Froto Savonarola estas malliberigita en Firenzo de la partio de la Palleschi. — 1713. Interkonsento kiu ĉesigas la militon de la tridek jaroj. — 1805. Interkonsento inter Anglujo kaj Rusujo (porte ankaŭ Aŭstrio kaj Prusujo) por forpeli la Francojn el Germanujo.

1204 Venezia Doĝo Henriko Dandolo almilitas Konstantinoplon. 1798. Oni proklamas la Helvetian Respublikon.

1598. Edikto el Nantes, kiu starigas liberan kulton por la Hugenotoj. — 1605. Mortas Boris Godunov (nask. 1552) kiu disigis la rusan eklezion de la Konstantinopla Patriarkeco. — 1695. Mortas en Parizo fablisto Johano de La Fontaine.

1685. Abramo Lincoln, prezidanto de Usono, estis inside mortigita.

781. Pipino estas kronata reĝo de Itulujo. — 1797. Naskiĝas en Marseille fama aŭtoro kaj ŝtatisto Adolfo Thiers. — 1903. Mortas itala filozofo Johano Bovio.

A. Tellini.

# La Internacia Organizo kaj la Internaciaj Asocioj

de PAUL OTLET
*Ĝenerala Sekretario de la Internacia Bibliografio Instituto*

II

**Strukturo de Internaciaj Asocioj: Ilia celo; iliaj diversaj tipoj**

Difino. — Estas malfacile doni plenan difinon de la Internacia Asocio.

Unua provo estis farata en la « Enketo pri Internaciaj Asocioj » (1). Konsiderante la Internacian Asocion en ĝia plenkreska formo, maturiĝintan, kaj en nia epoko ĝeneraligitan, oni alskrikis al ĝi jenajn kvin esencajn karakterojn:

1). La Asocio devas esti *internacia*. Efektivaj membroj devas aparteni al diversaj nacioj. Oni ne povas konsideri kiel internaciajn la asociojn, kies alilandaj anoj estas nur kvazaŭ ekstere aldonitaj, kaj ne havante egalajn rajtojn kiel la enlanduloj. Tiaj estas ĝenerale la grandaj Akademioj.

Inter la Asocioj, kiuj alprenis la nomon « internaciaj », kelkaj estas internaciaj laŭ sia celo kaj laŭ la tendencoj de la fondintoj; sed la anoj estas varbitaj en la sama lando, kaj intencas altiri al si aliajn nacianojn. Aliaj estas ekskluzive naciaj laŭ sia organizo kaj celas internaciajn rilatojn, konsideratajn laŭ nacia vidpunkto (Ekonomia Internacia Unuiĝo).

2). La Asocioj devas esti malfermitaj por la similaj diversnaciaj elementoj, kiuj deziras aliĝi, se nur ĉi tiuj sin konformigas al la interkonsentitaj kondiĉoj de la kontraktoj aŭ statutoj. En tiu senco la moderna Internacia Asocio estas utila, libera, por ĉiuj aliĝebla, almenaŭ por tiuj, kiuj atingis la postulatan gradon de kulturo. Ne povas do esti alkalkulataj al la kategorio de Internaciaj Asocioj politikaj Interligoj kiel la Triplico.

3) La Asocioj devas havi celon *ĝeneralan*, t. e. universalan, ĉiunacian, tutmondan, aŭ kapablan fariĝi tia. Ne estas vere internaciaj, en tiu senco, la Asocioj, kiuj havas celon nur regionan, kiel ekzemple, la Asocioj de la loĝantoj de la bordoj de l'Danubo, de la Pruth, aŭ de la Norda Maro. La celo devas esti tia, ke ĉiuj nacioj nature sin interesas pri ĝi kaj partoprenos, se tamen ili iel zorgas pri siaj devoj al si mem, kaj konsideras internacian solidarecon.

4) La Asocioj ne devas havi celon *profitigan*, en la kutima kaj jura senco. Tio forigas la pure ekonomiajn asociojn.

5) La Asocioj devas posedi permanentan institucion, specon de reganta potenco, kiu vivu kaj funkciu konstante: ofico, oficejo, konsilantaro, unuiĝo. komitato, komisiono, instituto, sekretariejo, k. t. p. Tiu karakteriza eco forigas nelongedaŭrajn kunvenojn, kaj eĉ la konvenciojn kaj kontraktojn, kiuj ne necesigas unu solan aŭ centran institucion (komercaj interkontraktoj). Internaciaj Kongresoj havantaj konstantan komisionon kaj reguligatan sinsekvadon estas veraj internaciaj Asocioj. Okazaj Kongresoj, kies kunsidoj estas neniel ligitaj inter si, ne havas tiun karakteron konstantan necesan por fari el ili asociojn en la supre eldirita senco.

Ni povas konsideri tiujn kvin elementojn kiel provizoran difinon. Tiu difino povas konveni por la Asocioj, kiuj plenumas en la Internacia sfero la samajn funkciojn kiel la grandaj Asocioj de publika utilo en nacia sfero. Oni tamen ne povas forigi el la kategorio de Internaciaj Asocioj tiujn el ili, kiuj posedas nur kelkajn el la esencaj elementoj ĉi supre nomitaj.

Deveno. — La deveno de Internaciaj Asocioj estas ŝuldata al tre diversaj cirkonstancoj. Jen el unu centra punkto eliras, kaj ĉiam pli malproksimen disvastiĝas la ideo krei tian Asocion por la disvolvado de ia nova ideo. Jen, kontraŭe, la ideo antaŭekzistas en multenombraj negravaj centroj, kiuj ekinterrilatas por fondi ĉefan centron: vidiĝas tiam kvazaŭa paralela puŝo en diversaj samaj aŭ malsamaj medioj.

Naciaj societoj aŭ grupoj ofte iniciatis la fondon de internaciaj asocioj. La Internacia Asocio de Akademioj, ekzemple, devenas de la konsento ekzistinta inter kelkaj germanaj Akademioj. Tre speciala kongreso povas fariĝi la deirpunkto de ĝenerala kongreso. La kongreso de aplikata ĥemio, ekzemple, devenis de tre speciala kongreso: tiu de la ĥemiistoj de sukerfabrikado. Ia Societo, unue nacia, kreas filiojn, kaj poste ĉi tiuj kuniĝas en federacion (Internacia Federacio de la Blua Kruco). Agada Komisiono aliformiĝas kaj fariĝas konstanta Komisiono (Internacia geografia Kongreso). Internacia Komitato fondita de ia kongreso fariĝas poste definitiva asocio (Internacia Ligo por virina voĉdonrajto). Oficiala nacia Institucio estas altigata al la rango de Internacia Institucio: la « Oficejo pór la publikigado de doganaj tarifoj » estis unue ofico dependanta de la Ministro de Eksterlandaj Aferoj de Belgujo. Internaciaj entreprenoj tre ofte naskiĝis de persona iniciato. La « Internacia Terkultura Instituto de Romo », ekzemple, estas ŝuldata al la iniciato de la reĝo de Italujo, kiu alprenis la ideojn proponitajn de la Amerikano Lubin.

La « Internacia Asocio de Katolikoj por la progresigo de la scienco » estis fondata en jena maniero: la tri protektantaj kardinaloj elektis, por la unua fojo, delegatojn el diversaj nacioj: ĉi tiuj starigis en Romo « Provizoran Iniciatantan Komitaton », kiu faru la necesajn klopodojn por la fondo kaj funkciigo de la Asocio ĝis la unua kunsido de la Asocianoj.

Ofte rimarkiĝis la influo de aliaj internaciaj Asocioj sur la kreadon de novaj asocioj. Ni citos la Unuiĝon de la Ŝtatoj por la Arbitracia Kortumo en Hago. Ĝi fariĝis modelo por la aliaj poste proponitaj juĝaj Kortumoj internaciaj: ekzemple, la internacia kortumo por maraj prenaĵoj. La du Bernaj Unuiĝoj por la protektado: 1) de industria posedrajto; 2) de artista kaj aŭtora posedrajto, influis unu sur la alian. La internacia oficejo por dokumentado pri specialaj fakoj estis kreata speciale laŭ la instigo de la Internacia Bibliografia Instituto.

Kelkaj Kongresoj, kvankam ne portante identajn nomojn nek sinsekvajn numerojn, devenas tamen unu de la alia: la Kongreso de Religioj en Chicago inspiris la ideon pri la Kongreso de religiaj sciencoj, okazinta en Stockholm en la jaro 1897; kaj el ĉi tiu Kongreso ŝajne devenis la Kongreso de Liberala kaj progresa Kristanismo, kaj la Kongreso pri la Historio de Religioj.

La historio de Kongresoj montras, ke, en la komenco, multaj ne okazas laŭ konstanta periodeco. Pli poste, ili fariĝas periodaj. (Internacia Antialkohola Kougreso).

Ĉiu kongresa Kunsido, en sia unua, antaŭa formo, faras apartan tuton, principe aŭtonoman; sed ĉe la fino de la kunsidoj estas nomata internacia komisiono por la publikigado de la aktoj kaj por la organizo de la sekvanta Kongreso. (Internacia Kongreso de kriminala Antropologio). De Kongresoj naskiĝis konstantaj Asocioj. La tria internacia Kongreso de mutualeco, ekzemple, proklamis en unu el siaj kunsidoj la ekstarigon de la Internacia federacio de Mutualeco.

Oni penadis alkonduki ian sisteman ordigon en la kreo de la Asocioj. En 1904, la Asocio internacia de Akademioj esprimis jenan deziron: Devas esti atente ekzamenataj la celo kaj indeco de proponó pri ĉia nova internacia organizaĵo subtenota per monhelpado de diversaj Ŝtatoj; estas dezirinde, ke la proponoj pri la starigo de tiaj organizaĵoj estu, antaŭ ĉia definitiva agado, submetataj al la Internacia Asocio de Akademioj. La realigo de tiu deziro estas tre malfacile aplikebla. Multaj asocioj renkontis grandegajn malfacilaĵojn dum sia formiĝo: la anoj malrapide konvinkiĝis pri la utileco de la proponata celo; malamikaj grupoj forte kontraŭstaris; oni timis, ke certaj politikaj influoj superregados en la Asocio; oni disputis pri la centra sidejo; oni havis kontraŭ si asociojn kun similaj celoj, aŭ asociojn, kies tre ĝenerala celo entenis ankaŭ tiun de la speciala, nove proponita asocio.

Trad. E. Raso.

*(Daŭrigota).*

Por tiu enketo kunlaboradis la Centra Oficejo de Internaciaj Institucioj kaj la revuo *Mouvement sociologique international*. Tiu verko estas t tolita: « Enquête sur les Structures sociales. L'Association Internationale ». Bruxelles (1, rue du Musée), 1907, 327 pages.

# AVIZO

**Por ebligi la aperon de prokrastitoj artikoloj ni publikigos la sekvon de nia felietono kaj la Esperanto-Movadon nur en la proksima no. Niaj legantoj bonvolu nin senkulpigi pro tiu prokrasto, kaŭzata de troa materialo.**

**(Red.)**

# TRA LA MONDO

## ALĜERO

La studado de Esperanto farante nin anoj ne plu nur de mallarĝa nacio, sed de la tuta mondo, naskas en ni la deziron ekkoni kaj viziti nian vastegan terpatrujon malfermatan per la magia ŝlosilo de lingvo komuna. Sed al multaj el ni venas samtempe akra bedaŭro, ĉar restas por ili neatingeblaj tro multaj landpartoj, tiuj ĝuste kiuj nin plej allogas pro sia malsimileco je nia konata proksimlandaro.

Tamen al la homoj por kiuj estas la foraj Amerik- kaj Azilandoj nevizitеblaj, prezentiĝas, tuj ĉe la pordoj de nia malnova Eŭropo, regiono plej inda altiri nian atenton pro la diverseco de siaj vidindaĵoj.



Nur je 24 horoj da marveturado de la francaj havenoj Marseille, kaj Port-Vendres, kun kiuj ĝin rilatigas ĉiutagaj vaporŝipoj, eĉ ne je duontago de la Hispan- kaj Italaj bordoj, Alĝerlando malkovras al niaj ravitaj okuloj ĉiujn mirindaĵojn pli



malproksime serĉatajn de l' vojaĝamantoj.

La belegeco de suda, riĉega kreskaĵaro, la majestaj perspektivoj de sovaĝaj altaj montaroj, la senhomaj, oceansimilaj, timonaskantaj vastejoj de l' granda Dezerto Sahara, estas tri naturaspektoj kiuj plej diverse sed egale forte impresos la travizitanton.

Natura pordo de tiu mirinda lando, la urbo Alĝero sola, valoras mem la vojaĝon, kaj ĝi certe tenados longtempe la turiston ravitan de siaj nerezisteblaj ĉarmoj.

Bananta siajn piedojn en la profunda, riĉa bluego de la maro, kaj kronata de la senlima kaj senmakula lazuro ĉiela, Alĝero- la Blanka, la belulino, kuŝas, mole etendata, sur sia lito de freŝaj, mallumaj verdaĵoj. Ĉiuj kiuj, alvenantaj el la pluva, sensuna kaj malvarma Nordo, ekvidis, sub la radianta kaj dolĉa sunlumo de decembra mateno, la fean urbon, similan je monto da blindiga, virga marmoro, konservas por ĉiam en siaj okuloj tiun aperajon de sonĝo.

Ne malpli impresiga estas la urbo por la vojaĝanto alvenanta nokte, kiam sub la verdblua, stelplena ĉielarkaĵo, ĝi disvolviĝas, brilega pro siaj miloj da lumoj. Laŭlonge de la bordo kuŝas la longa

fajrlinio de la bulvardoj, duobliĝanta en la akvo, kaj super ĝi, la multego da lumpunktoj dise supreniras, kvazaŭ por invadi la ĉielon kaj kuniĝi kun la tremetanta popolo de la steloj.

Jam ĉarmita de tiu unua aspekto, tuj kiam li komencas traviziti la urbon, la turisto iras de ravo al ravo. Trapaso tra la eŭropa parto kun ĝiaj belaj, vivplenaj stratoj, ĝiaj arkaĵaj trotuaroj borderitaj de riĉe provizitaj magazenoj, lin certigas ke ĉi tie, eĉ sen troa elspezado, mankos nenio por lia komforto.

Pri tio trankviliĝinte, li povos do sin allasi al la bonfaranta ĉarmo de la nekomparebla klimato, kiu *de Novembro al Majo, ne konas temperaturon pli malvarman ol 11 gradoj, nek pli varman ol 18 aŭ 20 gradoj centigradaj.* — Estos do por ĉia Nordano vera plezurego promenadi sub la blonda, karesa sunlumo, laŭlonge de la belega bulvardo de kie vidiĝas la tuta havenego kun sia senĉesa movado de alvenantaj kaj forirantaj ŝipegoj ĉiunaciaj, kiuj rilatigas Alĝeron kun la tuta mondo.

Baldaŭ altiros la fremdulon la altaj kvartaloj, la mistera kaj silenta Kasbah, la araba urbo, antikva nesto de Piratoj, kun siaj mallarĝaj stratetoj, serpentirantaj inter alpremiĝantaj vicoj de kalkpentritaj domoj spione rigardantaj per ferkradaj fenestretoj. Tie li povos observadi la morojn tiel originalajn de la mistera, muslima popolo, kaj admiri la riĉajn restaĵojn de la maŭra arkitekturo. — Aldone al vizitindaj moskeoj, multaj antikvaj palacoj estis ankaŭ konservitaj zorgeme, kiel tiu de la Guberniestro, la Ĉefepiskopejo, la Biblioteko, kiuj en siaj ĉambroj kaj internaj kortoj enhavas admirindajn ornamaĵojn kahelajn kaj marmorajn de la plej pura stilo araba.

Sed super ĉio, ravos la turiston la promenadoj en la ĉirkaŭaĵoj de la urbo, kaj pri tio, la rapidaj notoj de tiu ĉi artikoleto ne povas sufiĉi.

Iam, oni iros laŭ longa bulvardo apudmara ĝis la sablaj banbordoj de Saint-Eugène, aŭ oni suriros la montetojn de la Bouzareah, kaj de la preĝejo « Notre Dame d'Afrique ». — Aŭ, oni malrapide supreniros la deklivojn de Mustapha, la riĉa kvartalo de la vintroloĝantoj kun ĝiaj blankaj, originalstilaj domoj, ĝiaj grandaj hoteloj nestigitaj en malluma verdaĵo, meze de parkoj, kie ĉiuj floroj luksege kreskas, rozoj, diantoj, jasmenoj, daturoj, geranioj ruĝegaj, kaj palaj mimozoj, ĉiuj koloroj kaj ĉiuj parfumoj miksitaj. — De tie, la vido al la blankega urbo kaj, super la blua golfo, la neĝbrilaj montoj de Atlas, estas unu el la plej belaj spektakloj.

Tro malmultaj estas ĉi tiuj linioj — Kiom da ekskurlokoj plej allogantaj restas, kiujn ni povas nur rapide citi : El-Biar, loĝata de riĉaj fremduloj, la Freŝa-Valo, la arbaro de Boulogne, kaj Birmandreïs, kaj — pli malproksime — Maison-Carrée, Fort de l'Eau, la promontoro Ma:ifou, aŭ, ĉe l'alia flanko, la Romanaj Banejoj, kaj la bela arbaro de Baïnem.

Tuta libro estus necesa por priskribi la belaĵojn de la urbo Alĝero, kaj de ĝiaj ĉirkaŭaĵoj. Kaj nenion ĝis nun ni diris pri la pli malproksimaj ekskursoj en Alĝerlandon. Nur ĉe la pordo de la lando ni ankoraŭ troviĝas. Sed tiu pordo sola valoras vojaĝon, kaj super ĝi flirtas nia esperstela verda standardo.

Ni esperas ke niaj samideanoj ekdeziros koni tiun landon kies belaĵojn ni apenaŭ povis skizi per ĉi tiuj linioj. Kiam ili intencos elekti vojaĝcelon, ili bonvolu memori, ke, « en Alĝero, ĉiuj Esperantistoj trovos sanigan klimaton, belajn vidaĵojn kaj bonajn amikojn ».

Viktor Dufeutrel,
(Del. U. E. A. Alĝero).

Por pluaj informoj sin turni :

aŭ : *Al la komitato de vintrorestado* (Gomité d'Hivernage, 1, rue Combe).

aŭ : *Al la Esperanto-Oficejo*, ĉe la « Comptoir Tunisien » de juveloj kaj artobjektoj arabaj, 2, rue Saint-Louis,

kiuj respondos ĉiun leteron akompanatan de respondkupono.

# UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

(U. E. A.)

## *OFICIALA INFORMILO*

### ADMINISTRA FAKO

*Grava Avizo.*

∴ La tempolimo por la resendo de la respondiloj al *Oficiala Bulteno*, No 5a, estas (por Eŭropo) 20a de Aprilo, anstataŭ 20a de Marto. Niaj Delegitoj bonvolu noti tion. Ĉar la respondo al tiu bulteno ne postulas specialajn klopodojn, ni tre petas niajn Del., ke ili bonvolu tuj resendi la respondilon.

*Etato de la Esperantianaro.*

Je la 15a de marto la etato de la membraro de U. E. A. estis jena :

| | |
|---|---|
| Membroj por 1909 | 5.011 |
| Eksiĝoj, nerepagoj, translogiĝoj, k. t. p. | 543 |
| Restas | 4.468 |
| Novaj membroj por 1910 | 1.454 |
| Sumo de la membroj je la 15a de Marto | 5.922 |
| Je la 5a de januaro estis | 5.462 |
| Je la 5a de februaro estis | 5.649 |

Tiuj nombroj havas kiel bazon la membrolistojn ricevitajn de ni, sed kalkulante tiujn, kiuj estas ankoraŭ ĉe la Delegitoj oni povas diri, ke la Esperantianaro superas nun 6.300. Nun rapide antaŭen al la *sepa milo !*

N.-B. — La cifero 549 en la rubriko eksiĝoj, nerepagoj, k. c. koncernas ne nur la personojn, kiuj formale eksiĝis aŭ rifuzis pagi la kotizaĵon, sed duonparte personojn, kiuj ŝanĝis lokojn, kiuj estis dependigataj de aliaj Del. aŭ kiuj estis konsiderataj kvazaŭ eksiĝintoj pro oficejaj teknikaj kaŭzoj : Kompense la cifero 1.454 enhavas parton de personoj jam membroj en 1909, sed ŝanĝintaj lokon, aŭ dependigataj de aliaj Del., k. t. p. Entute la vera nombro de personoj, kiuj tute ne estis membroj dum 1909, atingas ĉirkaŭ 1.400.

*Komisionoj.*

S-ro Heydweiller, Del. en Rostock, estis aldonita al la *Junula Komisiono.*

S-ro E. Gasse, Vicdel. en Le Havre, estis aldonita al la *Komerca Komisiono.*

*Distriktoj.*

Jen estas la skemo de la divido laŭ *distriktoj*, starigita de la Administra fako, laŭ § 20 bis de la Statuto formulata kiel sekvas : « El ĉiu landoparto havanta komunajn interesojn rilate al la agadkampo de U. E. A. kaj posedanta almenaŭ 5 delegitojn estas formata distrikto. En ĉiu distrikto la delegitoj elektas por du jaroj distriktan delegiton ».

La distriktoj ĝis nun starigitaj en kiuj funkciadas *rondirantaj kajeroj* estas jenaj :

42. *Skotlando* (Enhavo : Skotlando kun Irlando provizore).

*Orienta Anglujo* (Middlesex, Norfolk, Suffolk, Essex).

*Suda Anglujo* (Surrey, Kent, Sussex, Hants, Berks, Wilts, Dorset, Devon, Cornwall, Somerset).

*Centra Anglujo* (Gloucester, Monmouth, Hereford, Shropshire, Stafford, Worcester, Warwick, Derby, Notts, Lincoln, Leicester, Northampton, Huntington, Oxford, Hertford, Cambridge).

*Okcidenta Anglujo* (Cheshire, Lancashire, Kimrujo).

*Norda Anglujo* (Yorkshire, Durham, Northumberland, Cumberland, Westmoreland).

43. *Orienta Germanujo* (Orienta & Okcidenta Prusujo, Silezio).

*Norda Germanujo* (Brandeburg, Pomeramio, Meklemburgo, Lübeck).

*Centra Germanujo* (prusa Saksujo, duklandoj de Saksujo).

*Saksujo* (reĝa Saksujo).

*Bavarujo* (reĝolando Bavarujo, krom Rejna).

*Sud-Okcidenta Germanujo* (Wurtemberg, Baden, Elsaz-Lothringen, Rejna Bavarujo).

*Okcidenta Germanujo* (Prusa Rejnlando, Vestfalio).

*Nord-Okcidenta Germanujo* (Hannover, Oldenburg, Hamburg, Bremen, Braunschweig, k. t. p.)

*Aŭstrio* (Alta & Malalta Aŭstrio, Salzburgo, Tirolo, Stirio).

*Bohemujo-Moravio* (Bohemujo kaj Moravio).

*Galicio* (Galicio kun Bukovino).

*Hungarujo* (Hungarujo kaj Transilvanio).

*Adriatiko* (Kroatio, Slavonio, Bosnio-Herzegovino, Dalmatio, Istrio).

44. *Okcidenta Francujo* (Finistère, Côtes du Nord, Morbihan, Loire Inf.).

*Normandio* (Manche, Orne, Calvados, Eure, Seine-Inf.)

*Norda Francujo* (Nord, Pas-de-Calais, Somme).

*Parizo* (Seine, Seine-et-Oise, Seine-et-Marne, Oise, Aisne).

*Orienta Francujo* (Ardennes, Meuse, Meurthe-et-Moselle, Marne, Haute-Marne, Aube, Vosges).

*Burgonio* (Côte-d'Or, Yonne, Saône-et-Loire, Haute-Saône, Doubs, Jura).

*Centra Francujo* (Maine-et-Loire, Vendée, Deux-Sèvres, Indre-et-Loire, Loiret, Loir-et-Cher, Eure-et-Loir, Sarthe, Mayenne).

*Centro-suda Francujo* (Haute-Vienne, Creuse, Corrèze, Cantal, Lozère, Haute-Loire, Puy-de-Dôme, Allier, Nièvre, Cher, Indre).

*Sud-Orienta Francujo* (Rhône, Loire, Ardèche, Drôme, Isère, Hautes-Alpes, Savoie, Haute-Savoie, Ain).

*Sud-Okcidenta Francujo* (Pyrénées, Gers, Landes, Garonne, Arriège, Tarn, Tarn-et-Garonne, Lot-et-Garonne, Gironde, Charente, Charente-Inférieure, Dordogne, Lot, Aveyron).

*Suda Francujo* (Alpes, Alpes-Maritimes, Var, Bouches-du-Rhône, Gard, Hérault, Aude, Pyrénées-Orientales, Corse).

45. *Nord-Okcidenta Italujo* (Ligurio, Piemonto, Sardanio).

*Nord-Orienta Italujo* (Lombardio, Venezio, Emilio, Romanio).

*Centra Italujo* (Toskano, Marĉoj, Ombrio, Latiurno).

*Suda Italujo* (Napolitanio, Sicilio, Malto).

*Norda Hispanujo* (Galico, Navaro, Viskajo).

*Centra Hispanujo* (Kastilio. Leono).

*Orienta Hispanujo* (Katalunjo, Oregono).

*Sud-Orienta Hispanujo* (Valencia, Murcia, Balearoj).

*Suda Hispanujo* (Andaluzio, Gibraltar, Estramaduro).

*Portugalujo.*

47. *Finlando.*

*Centra Rusujo* (Gub., Moskvo, Pskov, Tver, Jaroslav, Kostroma. Vladimir, Niĵni, Rjazan, Tula, Kalonga, Smolensk, Orel, Kursk, Varonej, Zambov, Penza).

*Norda Rusujo* (Arĥanjelsk, Vologda, Olonej, Novgorod ; ne formita distrikto).

*Okcidenta Rusujo* (Peterburgo, Estonio, Livonio, Kurlando, Minsk, Mohilev, Vitebsk, Kovno, Vilna, Grodno, Pskov).

*Polujo* (rusa Polujo).

*Suda Rusujo* (Podolio, Volinio, Kiew, Ĉernigov, Poltava, Ĥarkov, Ekaterinoslav, Taŭrido, Ĥerson, Besarabio).

*Orienta Rusujo* (Perm, Orenburg, Ufa, Vjatka, Kazan, Simbirsk, Saratov, Samara, Astraĥan, Don obl.).

*Kaŭkazio.*

48. *Danujo & Norvegujo* (provizore kunigataj).

*Svedujo.*

49. *Nederlando.*

*Belgujo.*

*Svisujo.*

*Grekujo et Turkujo* (Grekujo, Turkujo, Eŭropa kaj Azia, provizore kunigataj).

*Bulgarujo & Serbujo* (provizore kunigataj).

*Rumanujo.*

Entute 56 distriktoj.

Memkompreneble tiuj dividoj ne prezentas ion definitivan. Kelkaj landoj, pro malmulteco de Del., estis kunigitaj kaj pli malfrue devos esti apartigataj ; kelkaj distriktoj, jam nun grandaj, verŝajne estos duonigataj. Tion ni faros laŭ la montroj de la praktiko. Pli taŭgajn nomojn povos difini la Del. de la koncernataj distriktoj. Provizore, por la grandaj landoj ni uzis la nomon de tiu lando aldonante ĝian geografian situacion (nordo, sudo, k. t. p.) escepte kiam la distrikto estas formata el unu sola tre karakteriza regiono (Saksujo, Galicio, Polujo). La malgrandajn landojn ni koincidigis kun la distriktoj (Svedujo, Nederlando).

*Citoj.*

La jenaj Delegitoj ne respondis la du lastajn Oficialajn Bultenojn de U. E. A., nek sendis raporton pri sia agado :

S-ro H. Laisney, Del. en *Caen.*

S-ro Monkowsky, Del. en *Genstochowa.*

S-ro P. Schmitz, Vicdel. en *Aachen.*

S-ro H. Fischer, Del. en *Galatz.*

S-ro E. M. Pape, Del. en *Chicago.*

S-ro Laffaille, Del. en *Bagnères-de-Bigorre.*

La jenaj Delegitoj ne sendis protokolon de la balotado, malgraŭ averto al ili sendita :

S-ro Szepe, *Kiew* ; S-ro Backman, *Helsingborg* ; S-ro Radeck, *Dresden* ; S-ro Holmstrœm, *Eskilstuna* ; S-ro Warnier, *Parizo.*

Ni rememorigas al ĉiuj Del., § 19 de la Statuto de U. E. A.

*Eksigo.*

Ne respondinte du oficialajn leterojn de U. E. A., nek prizorginte la rebalotadon en sia regiono, S-ro Geier, ĝis nun Del. en *Graz*, konforme al § 19 de la statuto, estis forstrekita el la listo de la Delegitoj.

*Novaj Delegitoj.*

Pro manko de loko la listo de la novaj Del., Asocioj kaj Entreprenoj aperos nur en la venonta numero.

# UNUA KONGRESO DE U. E. A.

**AUGSBURG (Bavarujo)**

*28 Julio — 3 Aŭgusto 1910*

DATO. — La dato de la Kongreso estis definitive fiksita de la *ĵaŭdo 28a de Julio ĝis merkredo 3a de Aŭgusto.*

KUNVENEJOJ. — La oficialaj kunvenoj okazos en la granda halo de l'hotelo « Palasthotel, 3, Mohren ». Tie estos ankaŭ ĉambroj por la Komitato, vendejo, skribado, komisionoj, k. t. p. *Akceptejo* estos ĉe la stacidomo kaj *ekspozicio* en la urba ĉambrego.

EKSKURSO. — Malgraŭ ke U. E. A. aranĝas antaŭ ĉio laboran Kongreson, estos tamen ŝatinda parto por ekskurso kaj amuzaĵoj. Dimanĉon 31an estos ekskurso al Füssen-Neuschwanstein (mondfama kastelego de reĝo Ludoviko IIa). Alian tagon estos organizata vesperfesto. Niaj Asocianoj povas do esti certaj, ke distraĵoj estos lerte aranĝataj meze de la laboroj.

KONGRESKARTOJ. — La Kongreskarto kostas *3 Sm.* ; ĝi rajtigas al ĉeestado ĉe ĉiuj kunvenoj kaj senpaga ricevado de la Kongresraportoj. Ni tre petas, ke ĉiuj niaj amikoj bonvolu ilin mendi kiel eble plej baldaŭ por faciligi nian taskon.

La personoj, kiuj ne povante ĉeesti la Kongreso deziras tamen iel partopreni en ĝi povas fariĝi tuj de nun *helpkongresanoj*, pagante *1 Sm.* Helpkongresa karto rajtigas al senpaga ricevado de la Kongresa raportaro. Helpkongresanoj povos ĉiutempe fariĝi Kongresanoj pagante 2 Sm. plie. Ni tre esperas, ke multaj el niaj membroj bonvolos faciligi la financan aranĝon de la Kongreso, aliĝante kiel helpkongresanoj, en la okazo se ili ne povas mem alveturi.

LOĜEJOJ. — Post kelka tempo estos eldonataj aliĝiloj, laŭ kiuj oni povos precize scii la koston de la loĝado kaj nutrado. La prezaro estos dividata en 3 klasoj ; por ĉiu el ili estos eldonata kupono.

TAGORDO. — La plena labora programo de la Kongreso aperos en monato *julio.* Kongresa regularo estas en preparado. Ni tuj de nun petas ĉiujn Del. aŭ membrojn, kiuj deziras fari proponon al la Kongreso, ke ili bonvolu ĝin sendi al ni kiel eble plej baldaŭ kun klariga raporto. La proponoj estos unue submetataj al la kompetentaj komisionoj.

KONGRESA ESTRARO. — La prezidanto de la Loka Organizo Komisiono de la Kongreso estas *Reĝa Kortega Konsilanto Wolfram, ĉefurbestro de urbo Augsburg.* La sekretario estas S-ro W. Beideck, Del. de U. E. A.

Krom tio estis elektitaj la jenaj subkomisionoj.

1. *Financoj.* — S-ro juĝisto Zenger, prezidanto ; S-ro G. Zettler, reĝabanka librotenisto : S-ro Ch. Freund, urba reviziisto ; S-ro Rœsch, policsekretario.

2. *Amuzaĵoj.* S-ro Krauss, arĥitekto, prezidanto ; S-ro Herbert, komercisto ; S-ro P. Englænder, dentisto ; S-ro Zettler, inĝeniero ; S-ro Arras, hotelisto ; S-ro Humpl, supera muzikestro.

3. *Ekskurso.* — S-ro Konsilanto Weinmann, prezidanto ; S-ro supera sekretario Arnold ; S-ro Reisch, fervoja sekretario ; S-ro Schmalz, librotenisto.

4. *Loĝejoj.* — S-ro Arnold, urba supera sekretario, prezidanto ; S-ro W. Krauss, arĥitekto.

5. *Akceptejo.* — S-ro konsilanto Hauber ; Lingenhœl, inĝeniero, prezidantoj, kaj 20 gesinjoroj de la grupo.

6. *Gazetaro.* — S-roj redaktoroj Brunner, Aillenbrand, Reithmaier.

7. *Ekspozicio.* — S-ro A. Schott, librotenisto ; S-roj Walther kaj Beek, ĉefinstruistoj ; S-ro Weber.

8. *Ornomaĵoj.* — S-ro J. Günzburger, komercisto, prezidanto ; S-ro K. Nill, komercisto ; S-ro W. Krauss, arĥitekto ; S-ro Schilhavy, artĝardenisto.

La grupo de Augsburg faras garantifondaĵon da 500 Sm. Krom tio la urbestraro kaj diversaj urbaj rondoj mondonacos por la akceptado kaj aranĝado de la festoj.

* * *

Laŭ la supraj informoj, niaj membroj povos konstati, ke Augsburgaj Esperantianoj vigle laboras por aranĝi sukcesan kongreson. Oni helpu ilin kaj nin, aliĝante tuj de nun al la Kongreso.

*Por la Administra fako,*
H. Hodler.

# Esperantiaj Informoj

**El la centra oficejo de U. E. A.**
**Lastatempaj faritaĵoj**

Difino de la distriktoj. — Revizio de la numerado de Del. — Forsendo de leterocirkuleroj pri korektoj en la numerado, dependigo de subdel, k. t. p. — Forsendo de 80 rondirantaj distriktaj kajeroj. — Forsendo de Komisionaj rondirantaj kajeroj. — Forsendo de 800 Oficialaj Bultenoj kun aneksaĵoj. — Starigo de regularo pri informpetoj (baldaŭ publikigota), k. t. p.

* * *

Alger (Afriko). — Ĉiuj servoj de U. E. A. estos baldaŭ starigataj. Gvidlibro estas en preparado.

Amsterdam (Nederlando). — La progresoj de U. E. A. estas tute kontentigaj ; ĝis nun aliĝis 54 membroj.

Dresden (Saksujo). — La ĉi tieaj Esperantianoj starigis gastotablon. Bona ekzemplo.

Genève (Svisujo). — Laŭ la vidpunkto klarigita en no 73, S-ro Hodler faris ĉi tie knrson pri historio kaj organizaĵoj de Esperantismo. Tiu kurso estos siatempe publikigata.

Genova (Nord-okc., Italujo). — Nia fervora Del., S-ro Stromboli, aperigis bonan artikolon pri U. E. A. kaj Esperanto en la ĵurnalo « Caffaro ». Bona Esp.-of. estis starigita tie.

Guadalajara (Meksikujo). — Nia Asocio bone progresas en tiu parto de Ameriko : ĉiuj servoj estas starigitaj kaj dudeko da membroj aliĝis.

Lyon (Sud-Orient. Francujo). — En la gazeto « Le Succès » aperas bonega artikolo de S-ro L. Rigault pri U. E. A. El tiu artikolo rezultis tre multaj aliĝoj kaj informpetoj pri nia Asocio.

Le Creusot (Burgonio). — Okaze de la Burgonia Esp. Kongreso, aperos gvidfolio sub la aŭspicioj de U. E. A.

Rio-de-Janeiro (Brazilujo). — La 22 februaro alvenis en Rio el Rusujo S-roj Joseph Michulo kaj Arno Haward, Esperantianoj kiuj tuj serĉis la Del. en Rio S-ro Fauzeres. S-ro Querino de Oliveiro, muzika majstro, kiu estas prezentota al U. E. A. kiel subdel. de Esperantio en Encantado ilin promenigis en la unua tago. Ili jam konversadis kun multaj bonaj samideanoj de Rio kaj estas kontentaj renkonti tiel multajn samideanojn. Kiam ili renkontis S-ron Alekso Fanzeres, delegito de U. E. A. ili tuj prezentis siajn membrokartojn. Estas granda entuziasmo en la rondoj esperantistaj pro tio ke ili bonege komprenas kion oni diras al ili en Esperanto kaj komprenigas sin.

S.-Gravenhage (Nederlando). — La nombro de la membroj de U. E. A. atingas nun 37. Imitinda ekzemplo. Se ĉiuj Del. agus same, nia Asocio rapide atingus sian dekan milon. Aperis gvidfolio kun komerca prospekto en Esp.

Sydney (Aŭstralio). — Gravajn progresojn faras U. E. A. ĉe la antipodoj de sia sidejo. La membraro kaj novaj Del. senĉese kreskas. Kelkaj gravaj komercaj firmoj aliĝis kiel Esp.-iaj Entreprenoj.

# ESPERANTIA VIVO

Baptoj. — En Cadiz okazis solena bapto de la filo de nia Del., S-ro Garzon Ruiz ; multaj Esp-istoj ĉeestis ; orgeno ludis la « Espero ». — Preskaŭ samtempe okazis en Bukareŝto bapto de S-ro Gabrilo Esperanto, filo de ges-roj Miluta Simon.

Morto. — Ni eksciis kun bedaŭro la morton de S-ro M. Burney, nia sindona Del. en Melbourne. Ni sendas sincerajn kondolencojn al lia familio.

Ni tre petas, ke oni bonvolu liveri al ni ĉiujn injormojn por tiu rubriko (naskiĝoj, edziĝoj, mortoj, translokiĝoj de Esperantianoj), kiujn ni ĉiam plezure enpresos.

# Esperantia Parolejo

**Komerco kaj « Esperanto »**

Laŭ mia opinio estus necese formi en nia gazeto specialan fakon por komerco kaj industrio, en kiu oni povas regule legi notojn pri la disvolvigo de la komerco en la ĉefaj kulturlandoj (ekzemple kiel la artikolo el la Japana Esperantisto) kaj pri industriaj progresoj. Estis ja jam kelkafoje enpresitaj similaj artikoloj, sed vidante la grandan signifon de « Esperanto » por komerco kaj industrio (almenaŭ estonte) kaj aliflanke la intereson, kiun havos la legantoj el la komercaj rondoj je tiu fako, la raportoj pri komerco kaj industrio devas fariĝi pli regulaj kaj ampleksi plurajn landojn. Se oni montras per ciferoj kaj skizoj kiamaniere la komerco kunligadas la naciojn, oni povas plej bone pruvi, ke jam la homaro formas grandan ekonomian rondon, ke neniu lando povas ekzisti sen plej intima interrilato kun granda nombro da aliaj, aŭ kaŭze de importo de necesaj nutraĵoj, aŭ pro eksporto de industriaĵoj. La komerco do estas la plej grava kulturportanto, la plej potenca pacamanto. En la nuna stato de disvolvigo la plej granda parto de registaroj kredas necesan la protektadon de la hejma industrio per altaj limimpostoj. Tiu opinio kondukas al komercaj militoj, kiuj en lasta vico malutilas la vivkondiĉojn de ambaŭ landoj. Estas ja certe, ke enspezoj de impostoj, kiuj utilas al la financoj de la ŝtato, malfortigas kelkajn klasojn de ŝtatburĝanoj kaj estas parte maljustaj. La ekzemplo de Anglujo montras, ke la industrio de diligenta kaj inteligenta popolo tre bone povas floradi sen limimpostoj, tamen la agado de la kontinentaj landoj kaj de Ameriko naskis en la koroj de multaj Angloj la deziron de protektimpostoj, ĉar ili timas la konkurencon de la aliaj kaj suferas iom per la importoj de la fremdaj nacioj.

Se oni rigardas la efikon de la limimpostoj el la mondekonomia vidpunkto, ni devas ekkoni, ke komercaj baroj nur malutilas la progresadon de la homaro. Tiu ĉi fakto devas instigi la esperantistojn klerigi la tutmondan komercistaron kaj propagandi la liberecon de la komerco. Tiel agante ni ankaŭ prosperigos la esperantisman ideon en la komercistaro.

Mi promesas liveri al la redakcio notojn pri la germana komerco. Sed estas necese havigi kunlaborantojn samcelantajn el ĉiuj kulturlandoj.

W. A. Vogler (Del. Hamburg).

* * *

Tiu letero estis difinita por nia plebiscito, sed pro ĝia intereso ni ĝin ankaŭ publikigis ĉie tie. Ni esperas, ke ĝi instigas alilandajn komercistajn samideanojn al sendado de oftaj komercaj raportoj pri sia lando.

(Red.)

# INTERNACIA INSTITUTO
## de Esperanto

Ĵus aperis propaganda broŝuro pri la celo kaj funkciado de la Instituto. Ni ĝin poparte represos, esperante, ke multaj legantoj de ESPERANTO profitos ĝin por partopreni en unu el la Ekzamenoj de la Instituto.

**Celo**

La fondo de l'Internacia Instituto de Esperanto (Esperantia entrepreno) estis oficiale aprobita de la IVa Universala Kongreso de Esperanto « por kreo de normalaj lernejoj kaj internaciaj diplomoj ».

La Instituto konsideras Esperanton kiel vivantan lingvon de nun praktikan kaj de iu ajn uzeblan por ĉiuj internaciaj rilatoj. La Instituto havas la jenan celon :

1e Favori kaj faciligi plenan kaj profundan studadon de Esperanto kaj Esperantismo.

Prepari bonajn Esperanto-instruantojn.

2e Liveri al Esperanto-lernantoj diversgradajn atestojn, kiuj montras ilian konon de Esperanto kaj Esperantismo. Liveri diplomojn al Esperanto-instruantoj.

3e Alcentrigi praktikajn informojn pri instruado de Esperanto por la utilo de siaj diplomitoj.

Diskonigi kaj uzigi bonajn metodojn por la instruado de Esperanto, inter alie kaj tre speciale la parolan metodon.

4e *Zorgi por ĉie konservi kaj ĉiam pligrandigi internaciam unuecon de la lingvo, speciale en elparolado kaj esprima klareco.*

5e Organizi, kie estas eble, praktikajn lernejojn de Esperanto kun la helpo de siaj diplomitoj por laŭeble havigi al ili laboron.

Por havigi lernantojn al tiuj lernejoj la Instituto faros reklamon kaj propagandon por Esperanto, speciale en tiuj regionoj, kie ankoraŭ ne ekzistas esperanto-societoj.

6e Favori kaj laŭeble organizi interŝanĝojn de instruantoj de lando al lando kaj rondvojaĝojn de paroladistoj aŭ kursfarantoj.

7e Ekstarigi internacian Esperanto-universitaton komencante per organizo de someraj kursoj kaj ekzamen-kunsidoj okaze de esperantistaj kunvenoj kaj speciale de l'Universalaj Kongresoj de Esperanto.

La Instituto konsideras kiel sian laborkampon ĉiujn landojn de la mondo kaj kunlaboras kun la *Universala Esperanto-Asocio* por ebligi ĉiam pli vastan realigon de la interna ideo de esperantismo, kiu estas nedisigeble ligita al la vivo de la lingvo mem.

**Sperto**

Jam de la jaro 1907 funkciadas la Instituto. Jam ĝi preparis kaj ekzamenis multajn kandidatojn, kiuj poste fariĝis utilaj instruantoj de Esperanto.

La Instituto organizis unuan serion de someraj kursoj en Chautaukua (New-York) en 1908 okaze de l'unua nacia kongreso de nordamerikaj esperantistoj. Ekzamen kunsidojn ĝi organizis ĉe diversaj aliaj naciaj kunvenoj kaj ĉe la Va Universala kongreso en Barcelono, kie ĝi ricevis tre grandan sukceson (1).

La Direkcio de l'Instituto povis jam fari multajn kaj detalajn observojn pri la studado de la lingvo en la diversaj landoj kaj konservas nun ĉe sia centra oficejo en Ĝenevo interesan kolekton de dokumentoj kaj precizaj statistikoj kiuj ebligas al ĝi doni utilajn konsilojn aŭ informojn.

La Instituto jam profitis tiun sperton efike helpi studantojn en multaj landoj per koresponda konsilado proponado kaj korektado de ekzercoj, k. t. p.

**Organizo**

En ĉiu distrikto la Instituto estas reprezentata de juĝantaro konsistanta el 3 personoj (unu ĉefjuĝanto, du helpantoj) mem diplomitaj. Al ĝi sin turnu ĉiuj personoj, kiuj deziras ekzameniĝi (Vidu la liston sur la lasta paĝo). Tiu juĝantaro ekzamenas la kandidatojn por la diversaj ekzamenoj, proponas la notojn al la direkcio, alcentrigas ĉion, kio koncernas la Instituton en la sama distrikto.

La sidejo de la Instituto estas en Genève (19, Pont-d'Arve), kie ekzistas kompetenta juĝantaro por ekzameni ĉiujn skribajn laborojn kaj decidi pri la livero de la atestoj kaj diplomoj. Tiu juĝantaro konsistas el lertaj esperantistoj el diversaj nacioj.

La lingva aŭtoritateco de la Instituto estas certigata per *Helpa Konsilataro*, en kiu troviĝas plej fame konataj Esperantistoj, kaj per la vortoj diritaj de D-ro Zamenhof pri la Instituto ĉe ĝia solena kunveno en Barcelono la 7an de Septembro 1909.

La gazeto « *Esperanto* » estas la oficiala organo de la Instituto.

*(Daŭrigota.)*

(1) (Vidu la Oficialan Raporton de lKongreso, la Raporton eldonitan de « Lingvo Internacia » kaj la gazeton « Esperanto », oficialam organon de l'Instituto.)



# *ANONCETOJ*

**TARIFO**

Korespondado. — *Unu enskribiĝo $ 0.30 (fr. 0.75).*

PI = *poŝtkartoj ilustritaj ;* L = *leteroj ;* PM = *poŝtmarkoj.*

Petoj & proponoj ; Komerçaj reklamoj. — *Unu linio (40 literoj : $ 0.15 (fr. 0.40).*

*Por ĉiuj anoncetoj, rabato da 10 o/o por 3 enpresoj, 25 o/o por 12 enpresoj, 50 o/o por 24 enpresoj.*

*Niaj abonantoj rajtas unu enskribiĝon por korespondado aŭ dulinian anonceton senpage.*

NOTO. — Ĉia anonceto estos sendata, antaŭ la 5a kaj 20a de ĉiu monato, al nia Administrejo, al la lokaj Agentoj aŭ Esperanto-Oficejoj. Pago per poŝtmandato aŭ internaciaj poŝtkuponoj.

**Korespondado**

Gerona (Hispanujo). — S-ro F. Plana, Mercadero 9 po 2.

Vladikaukaz (Kaŭkaz., Rusujo). — S-ro D. Ciskarauli, « monopol », PI. (kun neŭropanoj).

Dunafældvar (Hungarujo). — F-no A. Stauber, PI. 4.

Avlovac-Cemerno (Herzegovino). — S-ro M. J. Koprivika, komercito, PI.

Atĉe (Smyrne, Turkujo). — S-ro Komal-Eddin, direktoro poŝt. kaj telegrafo PK. L.

Sofia (Bulgarujo). — S-ro Milĉo Georgiev, Gara-Sofia, L. PK. PI. PM.

Hirschfelde (Saksujo, Germunujo). — S-ro R. Plennigwerth. L. PI.

Praha (Bohemujo, Aŭstrio). — S-ro K. Bohač, Str. Komensky 5, Vinohrady, PI.

Fence-on-urnley (Anglujo). — S-ro John Simpson, Spen Barn Cottage (kun samideana fotografanto).

Prostejov (Moravio, Aŭstrio). — S-ro V. Varêka, Stud, Florian placo 10, PK.

Lodz (Polujo). — S-ro K. Orzchovski, str. Piotrkovska 242.

Pecka (Bohemujo, Aŭstrio). — S-ro Antonin Sturn, PI.

Moskvo (Rusujo). — S-ro Pavelo Burlakov, Meilij kuslovskij per. dom. 7 (kun gestenografistoj).

Nancy (Francujo). — S-ro S. Subliner, stud., rue de Mon-Désert, 38.

Chateaurenard-en-Provence (Francujo). — S-ro Fernand Nivolas, PI.

Barcelono (Hispanujo). — F-noj E. A. kaj P. B., Str. Olla 89.

Weimar (Germanujo). — S-ro R. Auerbach, Sedanstr. I. PI.

Aïdin (Azia, Turkujo). — F-no Lea Nahmias, Alliance Israëlite, PM.

Brno (Moravio, Aŭstrio). — S-ro Vil. Pitucha, PI.

Boskovice (Moravio, Aŭstrio). — S-ro Jos. Brezka, stud., Placo 9.

Simferopol (Rusujo). — S-ro S. J. Chelebi, poŝto restanta, PI.

Trieste (Aŭstrio). — S-ro Valeriano Pohusta, Via Alessandro Volta, 10-I, PI.

Portsmouth (Anglujo). — S-ro Geo Bryan, instruisto de soldatoj, Boy Scouts Headquarters, Marmion Rd, PI. 4.

Paris (Francujo). — S-ro L. Vincent, 259, rue de Belleville, PI. (kun nefrancoj, nebohemoj).

N. Aleksandrio (Lubl. gub., Rusujo). — S-ro P. Kavezin, PI., 4 (kun neeŭropanoj).

Dresden A. (German.). — S-ro M. Hennig, Starkengasse, 14, PI.

Odessa (Rusujo). — S-ro V. Fomenko, Poŝtoficejo, Poŝta kesto 1555, PM. PI.

Parc-Saint-Maur (Francujo). — S-no Vanderielle, 56, rue du Petit-Bois, PI. (kun ne francoj).

Boulogne-sur-Mer (Francujo). — S-ro Victor Haigneré, 149, rue du Moulin-à-Vapeur, PI.

Pecka (Bohem. Aŭstrio). — S-ro Josef Krêmarik, 5, PI.

Milano (Italujo). — S-ro F. Castoldi, viale Volta, 8 (pri teatraj aferoj).

Krakovo (Galicio, Aŭstrio). — S-ro Antonio Grabski, st. Kanonieza, 23, PI.

## Petoj kaj Proponoj

KORESPONDADO. — S-ro Jullien Augustin, 17, rue de Turin, Pl., vojaĝas tra Francujo kaj povas sendi al siaj korespondantoj vidaĵojn el la plej interesaj francaj urboj.

MARKOJN portugalajn kaj hispanajn novajn serĉas aĉeti kaj dez. proponojn E. Ulitzsch, Schillerstr. 16, III, Gera, R. (Germanujo).

KORESPONDANTAJ SAMIDEANOJ. — Dankante tre kore pro la grandnombra transsendo de Pf. mi bedaŭras devi sciigi, ke ne estos ebla al mi respondi ĉiujn. Konsulino p. virinoj L. Kaergel, Leipzig.

PORTRETO GRAFOLOGIA. — Sm. 0.50, Odette Meyer, La Rochelle.

ŜPARMONO 4 %. — Eldonejo « Esperanto ». Leipzig, Langestrasse, 27, Germanujo.

PENSIONO. — Familio de geprofesoroj ĉe la superaj lernejoj akceptus kelkajn fraŭlinojn en pensiono. Vivo agrabla kaj gaja. Centra hejtado. Ĉarma artista hejmo kun mirinda situacio kaj bonega aero, borde de l'fama Geneva lago (*France*, Esperante, germane, angle). Adr. : Sro Vittel, prof. « La Vegnetta ». *Morges* par *Lausanne* (Svisujo).

POR JUNULOJ. — F. L. G. Maréchal, B.-A. Direktoro (Lingva fako), Northern institute, internacia komerca lernejo, prezidanto de Internacia Asocio de Instruistoj, 384, Kingston Terrace, Leds, Anglujo, akceptas fremdajn junulojn kiuj deziras ellerni la Angl. Lingvon kaj komercajn metodojn. Banejo ; biliardĉambro, fumĉambro, k. t. p. Jare 500 Sm.

**Lernejo por Franca & Esperanta lingvoj.** — En Morges (Franclingva Svis.) apud la mondfama Géneva Lago ; belega vidaĵo ; trankvila restadejo. Esperanto-Oficejo & societo en la urbo. Favoraj kondiĉoj. Speciale rekomendata, hejma vivado. Por ĉiuj informoj, oni sin turnu al la adreso : Fno A. Richardet, Esperanto-domo, Morges, aŭ al Esp. Ofic. de U. E. A., S-ro Jayet (Morges).

INDUSTRIA AGENTO posedanta seriozan klientaron, vizitanta orienton, centron kaj sudon de Francujo, proponas sian kunlaboradon al fremdaj firmoj por riprezenti ilin en Francujo.

Proponas ankaŭ deponejon por industriaĵoj aŭ komercaĵoj. Skribi al S-ro Macary, 27 strato Bonnand, Lyon, Francujo.

KAUĈUKO. — Samideano vojaĝanta tra la regiono kaŭĉuka de Brazillando, sin proponas por aĉeto pogranda de kaŭĉuko kaj mangabo. Skribi por ricevi detalojn al S-ro Paulo Berthelot, Leopoldina, Goyaz, Brazilujo.

AGENTECON por fremdaj firmoj deziras firmo havanta urbcentran kontoron kaj vojaĝiston vizitantan eksportistojn kaj fabrikistojn. A. Beverley and Co, Manchester.

ATENTU ! — Niaj gesamideanoj dez. korespondi kun eksterlandaj geamikoj. Nia grupo garantias ke ĉiu ano tuj respondas. Skribu al la Oficejo de Esp-Societo-Zamenhof : Hotel Stadt Johannesburg, Gœrlitz. Germanujo.

PROPAGANDO. — Norman, G. Mills, Heyfield, Burwood. Vic. Aŭstralia. deziras havi, kiel propagandiloj, Esp. ĵurnalojn de ĉiuj landoj. Al ĉiu kiu sendos ĵurnalon kun sia adreso li respondos per bela karto de Aŭstralio.

KORESPONDADO. — S-ro J. Pirot, instruisto, Ardentes (Indre, Francujo) petas adresojn por siaj lernantoj de Châteauroux kaj Ardentes. Tuj respondos.

DELEGITOJ. — Prezarojn petas Rotterdamsche gereedschaphandel, Nieuve Markt, 11, Rotterdam, Nederlando. Societo por la vendado de iloj kaj maŝinoj por buĉistoj.

AL GESAMIDEANOJ. — En Odessa (Rusujo) estas aranĝota somere granda industri-terkultura ekspozicio ; pro tio loka esp-ista rondeto, partoprenante ĝin, petegas ĉiujn gesamideanojn sendi al regiona Del. (S-ro Fomenko, poŝtoficejo, p. kesto 1555) ĉiuspecajn eldonaĵojn (gazetoj, libroj, prezaroj, p. kartoj, folioj, markoj, k. t. p.) p. 1 ekz.

PENSIONO. — Ĝenevo (Svisujo), Villa les Mélèzes, 17, chemin des Chênes. Pensiono por fraŭlinoj, saniga situacio, el'ernado de franca lingvo kaj kompletigo de la edukado. Hejma vivado. Por pluaj detaloj sin turni al la direktorino.

## Komercaj reklamoj

**Silkaj esperantaĵoj.** — B. Peyraud, Vicdel. U. E. A., 54, rue de la Préfecture, Saint-Etienne, Francujo.

*Flagetoj, kravatoj verdstelumitaj* por sam-oj, 5 modeloj. — *Atlasa rubando*, kun verdstela desegno, por sam-inoj. — *Vualskarpoj* esperantistaj, el blanka gazmuslino. — *Bildoj teksitaj* el silko, veraj teksaj ĉefverkoj. — Kontraŭ 1 respondkupono, oni ricevas silkan flageton kaj la ilustritan prezaron.

CENT DIVERSAJ POŜTKARTOJ. — Esperantaj por elekti. Mendu prezaron de Eldonejo Germanujo ; Leipzig, Langestr. 27.

9 LAMPIONOJ, formante la vorton Esperanto, Sm· 1.50 kaj sendelspezoj. Eldonejo *Esperanto*, Germanujo, Leipzig, Langstr., 27.

150 ESPER. POŜTKARTOJ diversaj Sm. 4.50 (100, 3 Sm.). Mendu prezaron. Eldonejo *Esperanto*, Germanujo, Leipzig, Langestr., 27.

INTERNACIA PROPAGANDA KORESPOND-POŜTKARTO, seslingve kun belega bildo de nia majstro. Po 10 ekz. Sm. 0.15 ; po 50 ekz. Sm. 0.55 ; po 100 ekz. Sm. 0.90 ; 1000 ekz. Sm. 5.20, afrankite. Oni akceptas ankaŭ poŝtmarkojn ĉiunaciajn, transpagilojn kaj Esp-ĉekojn : *Germana Esperanto-Librejo*, Kœnigstr. 19, Leipzig, Germanujo.

VERDA STELO INTERNACIA. — Monata ilustrita jurnalo, por literaturo, arto, scienco, muziko, interesaĵoj, socia progreso, k. t. p. En Esperanto, 20 paĝoj. Jare por 5 kuponoj, aŭ 50 Sd. Ni akceptas ĉekojn.

Verda Stelo Internacia, Miller, Missouri, U. S. A.

POKALETOJN paperajn kun Esperanta enpresigo (tre taŭga propagandilo por nia afero) dissendas afranke 100 por 1/2 $, memkostoj. S-ro E. Ulitzsch, Gera R. (Germanujo).

Oni havas multajn rasajn kaj alilandajn medalojn por birdoj.

**RASA & INDUSTRIA**
**BIRDEDUKEJO**
DE
**Aleksandr SĈERBAKOV**
*St PUŠKINO, Sever, j. d., Rusujo*

Havigas diversajn rasojn de Anseroj, Anasoj, Kokinoj kaj Kokoj, k. t. p.

Apartan prezaron por ovoj oni sendas laŭ la postulo.

Oni korespondas esperante.

## Por la Higieno de l'tualeto

(lavaĵoj, higieno de 'buŝo, la haŭto, lavado de suĉinfanoj, intima higieno)

**Oni nepre rekomendas**

**COALTAR SAPONINE LEBEUF**
BAYONNE (Francujo)

Kiun ĝiaj antisepcaj, deterŝivaj kaj cikatrigaj propraĵoj akceptigis ĉe la Parizaj Hospitaloj.

*En la apotekejoj — Atentu la imitaĵojn*

## Bad Reichenhall

La perlo de la germanaj alpoj, *mondfama salakvo-banloko, klimata kuracloko*. Plej grandaj pneŭmataj ĉambroj kaj inhalacejoj de la mondo. Jara vizitado : pli ol 35.000 personoj. Sezono : Majo-Oktobro. Kuracado de *malsanoj de la spirorganoj*, astmo, emfisemo, *kormalsanoj, virinsekso*, skrofolo, rahito artrito, reŭmatismo, *resaniĝado. Riĉenhava amuzprogramo*. 250 kilometroj zorge bonstataj promenadvojoj en la tutan ĉarmegan ĉirkaŭaĵon. Gvidfoliojn oni bonvolu postuli de la Esperantista Grupo Bad Reichenhall.

## STENOGRAFIA GAZETO ESPERANTA

*(instruaj folioj de sistemo Aoro)*

enhavas metodan lernolibron de internacia stenografio aoro kaj multon da artikoloj skribitaj per tiu sistemo.

*Jara abono 30 Sd.* (3 int. respondkuponoj

Por abonintoj de **STUDENTO** (1 Sm.) senpage !

Oni mendu (aldonu 3 int. respond. kuponoj) ĉe administracio de **STUDENTO**. Praha II-516, Bohemujo. Rabato al grupoj !

## PARIS — EGLI'S HOTELO INTERNACIA

*11, rue Bachaumont (Bourse)*

Moderna, centre de Paris, proksime Louvre kaj Bulvardoj. 90 ĉambroj. Tre moderaj prezoj.
Svisa mastro.
Oni parolas Esperante.

## PROPAGANDAJ FOTOGRAFAĴOJ

Ĉiuj Esperantistoj devas tuj mendi la novan eldonon de la poŝtkartoj kaj fotografaĵoj de la Esper. Gazetaro, eldonitan de la Esperantista Gruparo Berlina.

100 poŝtkartoj kostas . . . . 1.70 Sm.
10 fotografaĵoj (40 sur 30 cm) 3.75 —

Sin turni al S-ro SOSTMANN, BERLIN, Nw. 87, Levetrowstr. 23.

## RAZILOJN, TRANĈILOJN, k. t. p.

**Aĉetu rekte el Sheffield**
**ANGLUJO**
*KONTRAŬ POŜTMANDATO POR* **$ 6**

Ni ekspedos afrankite tri belajn bonegajn razilojn. Sendu respond-kuponon por katalogo.

**F.-P. Goodwin and Co**, 25, *Howard Street, SHEFFIELD, Anglujo.*

## TRE MALNOVA KAJ GRAVA

*FIRMO de VINOJ, LIKVOROJ KAJ SPECIALAĴOJ*

en **DIĴONO** *Côte-d'Or (Francujo)*

**deziras agentojn**, seriozajn, agemajn, kun bonaj referencoj.

*Tre favoraj kondiĉoj*

Oni skribas Esperante. Sin turnu al Sro J. Moron, Delegito U. E. A., *Agencourt*, apud *Nuits* (Côte-d'Or, Francujo).

3.000 membroj EN FREMDAJ LANDOJ — *Jara Kotizaĵo* 2 dolaroj (4 $)

Membroj havas la jenajn profitojn : Ricevi informojn el ĉiuj landoj — Konatiĝi antaŭ ol forveturi eksterlanden

**CHARTERED A.-D. - 1900**

**Sinjorinoj Sinjoroj** estas akceptataj por membreco. Prospektoj kontraŭ afrankpago *(senpage al la skeptikuloj)*. Adresu leterojn kaj monon al **Sekretario de C. C. C.**

Korespondi en fremdaj lingvoj — Interŝanĝi revuojn, poŝtkartojn, poŝtmarkojn — fotografaĵojn, plantaĵojn, insektojn, k. t. p.

## Milwauke, Wisconsin, U. S. A.

**Vojo por aliĝi.** — 1. Skribu vian nomon kaj adreson (legeble) kun unu aŭ pluraj referencoj. — 2. Skribu la lingvojn, kiujn vi komprenas. — 3 Konigu la temon pri kiu vi deziras korespondi. — 4. Sendu la kotizaĵon (4 $) per ĉeko aŭ poŝtmandato. Via nomo estos enskribata kaj vi ricevos ĉiujn paperojn kaj ekz. de *Globe Trotter* kun la plena listo de l'membroj.

*La Administranto (Gérant) : DUVAL*

Laborista Kooperativa Presejo, 15, rue Amiral-Roussin. Dijon (Francujo)

**La unua revuo Esperantista por la gejunularo!**

## JUNA ESPERANTISTO

*Internacia Monata Gazeto Beletristika por Junuloj, Instruistoj kaj Esperanto-lernantoj*

En *Juna Esperantisto* troviĝas : diversaj rakontoj kaj noveloj por la junularo, fabeloj, poemoj, lingvaj ekzercoj, amuzoj, problemoj, k. t. p.

**Jara abono : 2 fr. 50 (1 $)**

*Por ricevi specimenon, oni sendu unu poŝtan respond-kuponon*

Presa Esperantista Societo, 33, rue Lacépède, PARIS

**Interesega apero en la esperanta literaturo !**

*GRAVEGA POR LA KOMERCISTARO !*

## DUOBLA LIBROTENADO « MONDSISTEMO »

**de E. WUCHER**

Prezo : **1,25** Sm. neafrankita. Havebla de Bigalke & Mohwinkel, Schlechnitzstr. 6, *Bromberg* (German.).

## BAD-REICHENHALL en la germanaj Alpoj

## VILAO CONTINENTAL

Plej bela, kvieta kaj senpolva altajloko. Ĉirkaŭata per ombraj ĝardenoj. Belega vidaĵo al la montaro kaj urbo. 40 elegantaj meblitaj ĉambroj kun 60 litoj kaj 25 balkonoj. Banoj en ĉiu etaĝo. Elektra lumo. Bonegaj manĝaĵoj. Puraj vinoj. Granda bela manĝoĉambro.

POSEDANTO : **Schwartz.** TELEGRAMADRESO : **Continental**

*ONI PAROLAS ESPERANTE*

**Granda Marko "Ville de Paris"**

## ÍNKOJ MIETTE

*gluoj likvidaj, sigeloj*

**Jules MIETTE**

102, Rue Amelot, PARIS-XI

## HOTELO LOUIS-LE-GRAND

*2, rue Louis-Le-Grand, Paris.*

En belega loko, inter la Rue de la Paix kaj Avenue de l'Opéra. Moderaj Prezoj. Oni parolas en Esperanto. English Spoken. Man spricht Deutsch. Se habla Espanol.

## ĈASOPIS ĈESKÝCH ESPERANTISTŮ

Kun literatura aldono « *Legolibro de Bohemaj Esperantistoj* » oficiala monata organo de bohemaj Esperantistoj kaj de centra asocio.

**Bohema Unio Esperantista** *(B. U. E.)*, kiu unuigas tiutempe *43 societojn*. Ĉiu numero de tiu ĉi revuo enhavas po 20 paĝoj da plej bona teksto : artikoloj originalaj kaj tradukitaj, parto oficiala, esperanta movado en fremdlando kaj inter Bohemoj, bibliografio, adresaro de korespondantoj, k. t. p.

Jara abonpago : 3 kronoj ($ 1.50) Red. kaj Adm. : Praha II, 2023, *Ed. Kühnl.* (Rabato por Societoj).

## AL LA KOLEKTISTOJ

Post kelkaj jaroj, *grandan valoron* havos la plena kolekto de la gazeto.

**ESPERANTO**

Do, rapidu mendi ĉi tiun plenan kolekton dum ĝi estas ankoraŭ havebla po malkara prezo.

*La tuta Kolekto* (75 no j), afrankite 4 $.

Sin turni al la Administrejo (10, rue de la Bourse, Genève).

*Malnovaj n-oj antaŭ 1 Decembro 1908 ne estas izole aĉeteblaj.*

## LA SVEDAJ RAZILOJ ESTAS LA PLEJ BONAJ EN LA TUTA MONDO !!

*Garantiitaj po 2, 3, 4, 5 Kronoj skand.*

Por 4 Kronoj ($ 2,20) vi ricevos razilon kun sendanĝera aparato. Dank' al ĝi oni sin ne tranĉas kiam oni sin razas.

*Komercistoj kaj agentoj kun bonegaj referencoj estas dezirataj. Bona rabato*

Kontraŭ 0.12 $ oni ricevas ilustritan prezaron france, angle, germane kaj svede.

Oni sin turnu al.

**John Bylinder, Hedemora** (Svedujo)

## POŜHORLOĜO : L'ESPERO



El blanka, tre fortika metalo, oksidita kiel malnova arĝento, kun reliefa kovrilo kaj verda emajlita stelo. Preciza radaro je ankro kun 15 rubenoj, plene garantiita por ekzakta funkciado. Utilega al ĉiuj esperantistoj. Tre ŝatata donaco.

Prezo : **30** fr. = **12** $
Afrankita en ĉiuj landoj : **12.65** $

Sola riprezantanto de tiu ĉi kaj de alispecaj horloĝoj de fame konata svisa fabrikejo.

**UNIVERSALA ESPERANTIA LIBREJO**
Rue de la Bourse, 10, GENÈVE (Svis.)

MEDIZINISCHE LICHT- & HERZ- u. NERVEN- **Heilanstalt-Kuracejo** por lumkuracado por malsanoj de l'koro kaj de l'nervoj.

vormals : ROTES KREUZ — antaŭe : RUĜA KRUCO

*51 Luisenstrasse* **BERL N NW. 6** *Telefono III, 3185*

**Sekcio por lumkuracado**

Elektra lumo kun elektrodoj de karbo, fero, hidrargo. Lumo de Roentgen. Radiado d'Arsonval kaj de Oudin kontraŭ artrito, reŭmatismo, neŭralgio, iŝialgio, furunkulozo, diabeto, k. t. p.

**Radiado kaj fotografado laŭ Roentgen**

**Sekcio por malsanoj de l'koro kaj de l'nervoj**

Esploroj per radioj de Roentgen kaj konstatado de l'agado de l'koro. Banoj kun karbacido kaj ŝprucbanoj kun pinburĝonoj. Elektraj banoj por la tuta korpo kaj por apartaj membroj. Vibromasaĝo k. t. p.

**La kuracado plene anstataŭas restadon en Bad Nauheim**

Prospekto laŭ deziro — **KURACADO AMBULANTE. ONI PAROLAS ESPERANTE.** — Du kuracistoj — Direktoro : **Dr. BREIGER**

**ĴUS APERIS LA IVa Eldono de la Jarlibro de U. E. A.**

PRESEJAJ LITEROJ MAYEUR — **PARIS**

## ALLAINGUILLAUME, J. SALING & Cie

GRAVUR-FONDISTOJ — POSTEULOJ

**21, RUE DU MONTPARNASSE**

ĈIUSPECAJ LITEROJ KAJ VINIETOJ

Specialaĵo de SUPERLITERAJ SIGNOJ

Liverantoj de ĉiuj Esperantaj literoj kaj supersignoj uzataj ĉe la presejo de U. E. A. por la kompostado de ESPERANTO kaj ĉiuj Esperantaj presaĵoj.

| ROMANA | TIPOJ DIDOT | ITALIKA |
|---|---|---|
| ĉ ĝ ĥ ĵ ŝ ŭ | Korpo 7 — Bas de casse | *ĉ ĝ ĥ ĵ ŝ ŭ* |
| Ĉ Ĝ Ĥ Ĵ Ŝ Ŭ | Ĉefliteroj | *Ĉ Ĝ Ĥ Ĵ Ŝ Ŭ* |
| ĉ ĝ ĥ ĵ ŝ ŭ | Korpo 8 — Bas de casse | *ĉ ĝ ĥ ĵ ŝ ŭ* |
| Ĉ Ĝ Ĥ Ĵ Ŝ Ŭ | Ĉefliteroj | *Ĉ Ĝ Ĥ Ĵ Ŝ Ŭ* |
| ĉ ĝ ĥ ĵ ŝ ŭ | Korpo 9 — Bas de casse | *ĉ ĝ ĥ ĵ ŝ ŭ* |
| Ĉ Ĝ Ĥ Ĵ Ŝ Ŭ | Ĉefliteroj | *Ĉ Ĝ Ĥ Ĵ Ŝ Ŭ* |
| ĉ ĝ ĥ ĵ ŝ ŭ | Korpo 10 — Bas de casse | *ĉ ĝ ĥ ĵ ŝ ŭ* |
| Ĉ Ĝ Ĥ Ĵ Ŝ Ŭ | Ĉefliteroj | *Ĉ Ĝ Ĥ Ĵ Ŝ Ŭ* |

$ $ $ $ $ $ $ $ $ $ $ $

EGIPTA KORPO 8 No 406

ĉ ĝ ĥ ĵ ŝ ŭ ◆ Ĉ Ĝ Ĥ Ĵ Ŝ Ŭ

**Mendu Kolekton de GVIDFOLIOJ DE U. E. A. 25 Sd.**

## LINGVO INTERNACIA

*CENTRA ORGANO DE LA ESPERANTISTOJ*

eliranta inter la 15. kaj la 20. de ĉiu monato

**LA PLEJ MALNOVA EL ĈIUJ GAZETOJ ESPERANTISTAJ**

FONDITA EN 1895

**La plej enhavoriĉa !** — **48** paĝoj da dense presita teksto en plej korekta kaj plej klasika stilo.

**La plej malkara !** — **5** fr. **(2 $)** abonprezo por UNU JARO

**50 Jara sukceso!**

## OSIJEKA VIZAĜPOMADO KAJ OSIJEKA SALVATOR-SAPO

*forigas ŝprucmakulojn, kaj ĉian malpuraĵon de l'vizaĝo*

Malfalsa sole nur en la Salvator apoteko

SALVATOR-APOTHEKE · SCHUTZMARKE · DIENES — ESSEG

## J.-C. DIENEŠ, OSIJEK (Essegg) (Kroatujo)



1 vazeto da osijeka vizaĝpomado kostas po 70 heleroj kaj po 1 Krono (1 Krono = 100 h. = 42 spesdekoj) ; 1 peco da Salvator-sapo 1 K. Unu vazeto da manŝmiraĵo 1 K. 20 h. Lyona pudro, malgranda skatolo 1 K. granda skatolo 2 K. Tiuj ĉi rimedoj ne havas domaĝajn konsistaĵojn kaj tutege respondas al la regularo de la alta registaro.

KIAL ESTAS UZOTA NUR

## " MIRANDA-KREMO " ?

Ĉar *Miranda*-Kremo estas perfekte nedomaĝa, ĉar per « **Miranda-Kremo** » **oni atingas idealan belecon**, ĉar *Miranda*-Kremo forigas ĉian malpuraĵon de la haŭto, ĉar *Miranda*-Kremo ne nur **plibeligas**, sed ankaŭ **junigas**. Unu vazeto da « **Miranda** » **Kremo** kostas 1 K. Unu skatolo da « **Miranda-pudro** » (trikolora) 1 K. unu peco da « **Miranda** » **sapo** 70 h.

Ricevebla ĉe la produktanto **J.-C. DIENEŜ**, post Osijek, supera urbo, de kie mendoj per poŝtpaĝo tuj efektiviĝas

La korespondado kun la **Salvator-Apoteko**, de **J.-C. Dienes** estas ankaŭ en la lingvo **Esperanto** krom la lingvoj germana, angla, franca, itala, latina, kroata, serba, aliaj slavaj lingvoj kaj la magyara.

La korespondanto de firmo J.-C. Dienes estas Drag. Mirko Kaniĉar, Delegito U. E. A.

## Universala Esperantia Librejo

*10, rue de la Bourse, GENÈVE (Suisse)*

Vendas ĉiujn eldonaĵojn de U. E. A. kaj ĉiujn Esperantaĵojn (propagandiloj, lernolibroj, literaturajn kaj sciencajn, verkojn, k. t. p.).

**Oficialaj eldonaĵoj de U. E. A. :**
rekomendataj al ĉiuj Esperantianoj

*Oficiala Jarlibro* (Plenaj informoj pri U. E. A., ĝia organizo, ĝiaj servoj kaj la maniero ilin uzi, k. a. Plena listo de la Delegitoj, Vicdelegitoj, Subdelegitoj, Esp.-Oficejoj de U. E. A.). Necesega por ĉiuj membroj. Prezo : 0,30 Sm.

*Oficiala insigno* (verda stelo kun blanka rando, rezervita por Esperantianoj). Prezo : 0,36 Sm.

*Oficiala Marko* (gluota sur la korespondaĵoj de la Esperantianoj) 1 sd. por ekzempl. (minimumo 10 ekz). Por Esp.-Oficejoj rabato da 15 % por ĉiu mendo de pli ol 100 ekz.

*Oficiala leterpapero* (por Delegitoj, Subdelegitoj kaj membroj) 100 folioj : 0,75 Sm.

*Oficialaj kovertoj*. Prezo, 100 ekz : 0,60 Sm.

*Oficialaj poŝtkartoj*. Prezo, 100 ekz. : 0,75 Sm.

*Gvidfolioj de U. E. A.* (Rekomendataj al ĉiuj vojaĝantaj Esperantianoj). Senpage riceveblaj kontraŭ marko aŭ kupono da 0,10 Sm. Kolekto po $ 0.25.

*Universala Esperanto-Asocio*, ĝia celo, ĝia organizo, ĝiaj praktikaj servoj, ĝia signifo. Propaganda broŝureto. Prezo, 10 ekz. : 0,20 Sm.

*Oficiala Bulteno* (senpaga por Delegitoj, Subdelegitoj kaj Konsuloj).

*Universala Esperanto-Asocio*. Enkonduko, celo, organizo, praktikaj servoj, socia, signifo, konsiloj, al la interesatoj, k. t. p. Tiu bonega propaganda broŝuro, kiu klare konigas U. E. A. al la neesperantista publiko, estas nepre rekomendata al ĉiuj niaj propagandistoj.

Ekzistas ĝis nun eldonoj en lingvoj *franca, germana, hispana, rusa* kaj *itala*. Eldonoj angla, kaj portugala estas en preparo. Resumoj en lingvoj *dana* kaj *holanda*.

Prezo, 10 ekz. : 0,20 Sm.

AVIZOJ : Ĉiuj mendoj estu sendataj al **Universala Esperantia Librejo**, 10, rue de la Bourse, *Genève* (Svisujo).

Kalkulo estas malfermata nur al Delegitoj. Ĉiuj aliaj personoj devas aŭ mendi per sia loka Delegito, aŭ kunsendi la monon samtempe kun la mendo. Personoj, kiuj deziras rekomendigi sian mendaĵon, aldonu 0,10 Sm.